# LITERATURA MONDO

**Ĉefredaktoro: K. Kalocsay**

**Literatura, arta ilustrita revuo**
**Dua periodo — Tria jaro**
**Senpaga kvaronjara aldono:**
**Bibliografia Gazeto**
**En duona formato 16—20 paĝa**




**Decembro 1933**
**12-a numero**

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7. Telefono 380—84.**

**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

ĈEFKUNLABORANTOJ: J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann, (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), J. Grau Casas (Mediona), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), L. Halka (Budapest), N Hovorka (Wien), R. Hromada (Praha), W. B Johnson (Birmingham), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmő), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava). A. Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Kairo), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), E C. Stillmann (U S A ), K.R.C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), J Ŝimomura (Tokio), L.E Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (en Warszawa) kaj aliaj.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# Edmond Privat, la poeto

— L. Totsche —

Stranga sento min kaptas, kiam mi prenas en la manon poemlibron de june mortinta aŭ eksilentinta poeto. En la unua kazo: la fantazion ekscitas la misteraj, neniam antaŭkalkuleblaj ebloj, kiuj restis por eterne kaŝitaj en la forfluginta animo de poeto; oni sentas tragikan faton: perdiĝis io ununura, io neniam plu revenonta, antaŭ ol sin plene manifesti. La dua kazo estas eble eĉ pli mistera: ĝi estas kvazaŭ memmortigo, perforta memmutigo, antaŭ kiu oni staras sen kompreno. Ĉiu homo, kiu havas resoneman, internen turniĝantan sento-vivon, kaj la kapablon halti kelkfoje en la konfuza, senindulge maŝineca drivo de l' okazaĵoj kaj mediti pri la senco de ĉio ĉi, ĉiu homo estas foje-foje poeto. Kaj kelkfoje oni eĉ provas surpapere eternigi ĉi tiujn momentojn... La veran poeton ĝuste tio distingas de la ceteraj okazaj poetoj, ke ia nekontraŭstarebla interna streĉo lin konstante pelas al sin-esprimo. Oni ne povas arbitre decidi, ĉu oni iĝu lirikisto, aŭ ne; la poeto estas obsedita de sia propra poeteco, li estas devigata versi, ĉu tio al li plaĉas aŭ malplaĉas. Tial vekas la scivolon, se poeto eksilentas, tial naskiĝas la deziro por esplori la motivojn de ĉi tiu silento. Tiu ĉi scivolo gvidis min, kiam por temo de mia artikolo mi elektis la poeziajn verkojn de Edmond Privat, kiuj ja tute ne prezentas la plej gravajn verkojn de la eminenta oratoro, esperantologo, historiisto, lingvisto kaj sociologo.

*

*Tra l' silento* nomiĝas la belaspekta libreto, entenanta dek elektitajn poemojn de *Privat*. Trafa titolo. El la poemoj ni rekonas animon, kiu amas la silenton, la riĉan trankvilon de l' animo, kiam »nur voĉo mallaŭta de flutoj alflugas tra l' nokto lunbrila«; kiu volus rifuĝi de l' venta tumulto de l' vivo por aŭskulti pri la propra koro, kie

Pli bela ol ondo, pli forta ol vento,
Kantadas la amo plej fortan muzikon...

rifuĝi al la hejmtrankvilo de l' kamenfajro —

Sed ŝiras la vento muzikan la ploron,
En ĉiu blovego ŝiraĵoj flugadas
Kaj rekte traboras la koron.

Sopiro je belo, trankvilo, harmonio kaj ia dolĉa melankolio pri la pasemo de ĉio, pri la neeviteblaj perdoj kaj trompiĝoj, pri la trompemo de l' Naturo, pri la krueleco de la Tempo kaj Morto — jen la ĉefaj motivoj, sur kiuj ludas la poezio de Privat. Lia muziko do estas iom unutona, sed ĝi ne malhavas la apartan sonorecon de la unukorde ludataj melodioj. Ankaŭ harmonioj liaj ne estas tre polifonaj; simple, senpretende fluas la kantoj. La esprimforto kelkfoje ŝajnas sveneti, la poezio ja estas juna, ĝi ankoraŭ provadas siajn muskolojn. Sed tamen, ofte ĝi trovas bildojn sugestiajn, esprimojn kristale klarajn. Ekzemple kiel bela estas la strofo:

Blankan ŝiris mi lilion,
Puran neĝe kaj marmore,
Sed sangantan papilion
En ĝi trovis mi dolore.

Aŭ

Infanoj, en viaj okuloj,
Kun granda bluega prunelo
Ni trovas, ho karaj etuloj,
Peceton de l' pura ĉielo.

El la poemoj rec kaj ree reliefiĝas la doloro, kiu propre eruptigis ĉi tiun junecan lirikon: la funebro pri mortinto. Pri amata estaĵo, kiun forgesi estas peko, kiu, se ŝi ne povis vivi plu sur la tero, devas eterne vivi en la animo de la poeto. Kaj kiam la forgeso jam ŝajnas vuali la doloron, la cikatriĝantan vundon ekŝiras la furiozaj sonoj de l' vintra vento tra l' kampo:

De l' kanto malnova la plendo semiĝas
Kaj tremas en parko maljuna cipreso,
Dum je l' rememoroj l' animo vundiĝas
Kaj estas venĝata forgeso. *(Venĝantaj sonoj)*

Ĉi tiu arda funebro diktis al la poeto unu el la plej belaj pecoj de la volumeto: *Ĉu en tombejo?*

Kvazaŭ duraj martelfrapoj resonas trifoje la malesperaj ekkrioj je la fino de la tri unuaj strofoj:

La tombon neniam mi volas viziti.

Ĉar kion li ja trovus tie?

Sin vane mi serĉus en tombo malhela.

Kie li trovos tion, kio restis post la foririnto? En la ombro de l' amo, de la gestoj, de la viva brilo de l' okuloj, en la tuŝo de l' karesa mano: jen la heredaĵo, en kiu postvivas homo, ĝis foriros ankaŭ la memoranto:

Kaj tiel ekfalu sur tombon la neĝo,
Aŭ brilu la suno kaj floru la floroj:
Al ter' apartenas nek amo nek preĝo,
Kaj ĉerkon nur venkas vivantaj memoroi.

Alia tre impresa, profunde melankolia poemo, kiu elstaras el la volumeto, estas la plenda kanto pri *La Tempo*. Kiu foje renkontiĝis kun la Morto, por tiu la Tempo alprenas la formon de fizika realaĵo. Dum la amaso, kun fermitaj okuloj, vivas *en* la Tempo, la revulon de ĝi apartigas la morto-scio: apude starante li rigardas ĝin, kiu

ŝovas nin kvazaŭ ŝafaron pelatan.

Al la poeto la Tempo aperas en la formo de senindulge vipanta vento, kiu ridas pri homaj deziroj

Kaj iras senzorge kaj branĉojn faligas,
La kapojn blankigas, kaj malgraŭ sopiroj
La trunkojn al morto silente kurbigas...

Kaj ĉi tiu *tempo-vento*-vizio puŝas potence la poemon ĝis la fortimpresa fino:

Nin logas la tempo kaj regos eterne
Svingante la flagon de l' homa espero.

Sed nenie gutas tiel miele la dolĉa melankolio de Privat, kiel en la *Lasta Kiso*, kies simpla, varma ĉarmo venkis eĉ la poeziofuĝajn verdajn korojn, ĝi iĝis populara, eĉ vaste konata. Kaj la poemo vere meritas tion. Eble

nenie estas la esprimo tiel kristale klara, la transdono de sento tiel senpera, la bildoj tiel diafane puraj, kiel en ĉi tiu poemeto de Privat. Ekde la maltrankvile pritima demando:

Vi kien flugas, papilio,
Tremante kaj rapide,
Jam mortis rozo kaj lilio
Kaj venas frost' perfide.

Flugiloj viaj, kvazaŭ lampo,
Briletas en nebulo,
Vi kion serĉas en la kampo
Perdita somerulo?

tra la simpla, sed impresiva pripentro de la antaŭvintra pejzaĝo:

Dezertaj estas la ĝardenoj
Kaj vana amo via,
Skeletoj ŝajnas la verbenoj
Sub kverko senfolia.

Vi kial flugas en malvarmo
Tra flora la tombejo?
Sur ĉiu loko pluva larmo
Nun restas en herbejo.

kun la sama simpla, senafekta, sed tiom pli efekta stilo ni venas al la melankolia neeviteblo:

Silentas ĉiuj en la nestoj
Kaj svenis bonodoroj,
Jam ne batalos vi kun vespoj
Pri la floretaj floroj.

Jen restas nur en kampo vasta
Velkinta krizantemo,
Sur kiu kiso via lasta
Mortigos vin en tremo.

Ĉi tiu simpla juveleto, melankolia kanzoneto estas kaj restas ĉiam kara al la naivsenta flanko de ĉiu animo, kaj perleto de ĉiu Esperanta Antologio.

*

La alia versa verko de Privat estas *Ginevra,* triakta dramo. »Pli bone ol pri la drama, sukcesis Privat pri la lirika parto de sia verko« — skribis pri ĝi Valc en la Germana Esperantisto en 1913. Nu, ĉi tiu opinio ŝajnas al mi trafa. Sed pri drameco de verko oni povas bone konvinkiĝi nur sur la scenejo. Kaj mi legas pri ĝia Geneva prezentado (kie oni ĝin ludis sub la reĝisorado de Baghy): »Ĝi frapis min ĝuste per sia drameco. La dramo ekvivis sur la scenejo kun ekscita intereseco, alloga ĉarmo, drama ago kaj movo, kruda konflikto, katenante ĉies atenton.« Do la verko ŝajnas taŭgi ankaŭ por prezentado.

Tamen, la dramo estas poemo ŝvelanta de juneca lirikismo. La temo tre konvenas por altpatosaj monologoj kaj dialogoj, kaj en ĉi tiuj partoj Privat briligas sian noble fluan lingvon, ĉarmas nin per sia speciala dolĉo de esprimo. Ekzemple jen la vortoj de Ginevra pri la virinaj taskoj:

Dum viroj pri milito ĉiam pensas,
Kaj gloron de l' bataloj preparadas,
Virina penso vidas la suferon
En hejmoj kaj en vivo ĉiutaga.
Ŝi pensas pri l' patrino, kies filo
Per longa amo jar' post jar' flegita,
Nun riskas ĉiam esti mortfrapita,
Pri l' kamparano, kies ora maro
De belaj spikoj ame kulturitaj
Post plugo kaj semado sur la kampo
Subite sub ĉevaloj galopantaj
Falĉiĝos en ruinon, kie poste
Li devos kun la korvoj bataladi
Por preni tere kelkajn greneretojn,
Dum ruĝe flamos la vesperĉielo.

— — — — — — — — —

Kial
Neniam povas ni paroli kune
Pri tiaj zorgoj? Ho Arturo, kiam
Mi venis al vi el palaco patra,
Mi havis altan fianĉinan revon:
Mi kredis, ke mi estos amikino,
Kun kiu vi kelkfoje konsiliĝos
Pri l' vivo, pri l' bezonoj de l' popolo,
Pri ĉio, kio helpas feliĉigi
La hejmojn de l' mizeraj reĝlandanoj,
Mi kredis, ke reĝino havas parton...

Ni memorigu pri la flama amsceno inter Ginevra kaj Lancelot:

Sur la teraso de l' kastelo
Mi vidis vin aperi, die blanka,
Kun ora sun' en viaj blondaj haroj
Mi vin ekamis tiam ĉe l' unua
Rigardo.

pri la lerta pripentro de amo kaj konsciencriproĉoj, kiuj taŭzas la animon de l' virino, pri la verva mokado de Lancelot, per kiu li hontigas Modredon, subaŭskultintan sur la muro:

Do, eble vi jus verkas poezion
Kaj alte sidas vi por alte pensi?
Ĉu vi titolon de l' poemo jam
Elektis? Se ne, mi proponus jenan:
»Romanco de lacerto«.

Modredo.

Mi...

Lancelot.

Ĉu vi
Preferus do: »Balado de Rampulo?«

poste la tumultan duelscenon kaj fine la elegian finon. Aparte belaj estas la versoj, kiam Lancelot genuflekse adiaŭas Ginevran antaŭ la batalo. Noble reviviĝas en ili la kavalireco:

Reĝino plej kristana kaj plej dolĉa,
Ĉar estis ĉiam via nobla Moŝto
La bona sola mia Sinjorino,
Kaj mi lojala via kavaliro,
Al via volo ĉiam preta servi,
De l' tago mem, en kiu Reĝ' Arturo
Min faris Kavalir' de l' Ronda Tablo,
Se falos mi ĉi tie, vin humile
Mi petas preĝi por animo mia...

Vere, eĉ se Ginevra estas plie juneca provo, ol matura ĉefverko, ĝi ĉiam havos sian honorlokon en nia drama

# La liberiĝo de la juĝisto

— F. Szilágyi —

— Sed kara, ne faru skandalon pro tiu bagatelo...

— Nu jes, mia laboro, miaj zorgoj, kiel dividi vian salajraĉon, mia ŝvito, miaj mortlacaj manoj al vi estas nur bagatelo. Sinjora Moŝto nun iros en la oficejon kaj juĝos de la alta piedestalo kaj ne prizorgos la ĉifonojn kaj la bagatelojn de la stulta edzino. — Jen manĝaĵo al vi, certe vi denove malfrue revenos.

La juna iom diketa virino laŭte, iom plezure bruis, kverelis kun sia edzo, kiu komence serene kaj poste pli kaj pli ĉagrene rigardis ŝin. Nun realvenis la servistino, pro kiu okazis la disputo kaj la tuta afero ŝajnis al li tre teda kaj ĉagrena. Vere li ne ĉagreniĝis pro la disputo, tiaj aferoj estis ja ne tre danĝeraj kaj rapide ili forkuris, sed la vizaĝo de la edzino subite respegulis la venontan dikecon kaj laŭtecon de la iom post iom maljuniĝanta virino kaj subite li sentis iom fremdiĝon, kian li sentis dum siaj knabjaroj kontraŭ onklinoj, kiuj estis ĉirkaŭ la kvindeka jaro kaj kiuj estis laŭtaj kaj — eh, li ne devas timi siajn pensojn — estis ne tro apetitigaj. Kaj li alrigardis la antaŭ ne tre longe aĉetitajn meblojn kaj la matenan malordon kaj subite li ekvidis en ili la bone kaŝitan antikviĝon, ordinariĝon, griziĝon kaj kadukiĝon de la tuta vivo, kiun li hodiaŭ, ĝuste hodiaŭ ne volis vidi. Hodiaŭ ja estas tiel bela tago, li vekiĝis tiel serene, senzorge, tiel rideme, kiel la oktobra ĉielo, kiu por momento, — same kiel li — resorĉis al si la brilon de la printempo.

Li ja ne estas maljuna, tridekkvinjara viro, rapidkariera juĝisto kaj li havas la pozon de la trankvila, konscia, senpera kaj afabla viro, kies puritanecon kaj seriozecon la onidiro ĉie akcentas. Kaj tiu terura disputo! Jes, oni ne povas diri, ke li vivas senzorge, sed liaj zorgoj ne estas tiel minacaj. Oni devas iomete dividi, iom ŝpari, sed,... sed hodiaŭ ĉio estas tiel ridema, tiel afabla, ne... ŝi ne rajtas forfajli per sia grumblado la serenon de la sunriĉa oktobra tago. For, nur rapide for.

— Ĉu la sinjora Moŝto ne bonvolus sciigi al mi la tempon de sia majesta alveno? — grumblis moke kaj iom pli mallaŭte la virino, kiu volis vidi nur tiun bagatelon, kiu lin absolute ne interesis hodiaŭ, sed kiu pli forte varmigis ŝin, ol la mirinda reviviĝo de la aŭtuna naturo.

— Mi devas pritrakti hodiaŭ multe da afero: — rekriis la juĝisto kaj li jam estis ekstere. — Vere, nevole mi mensogis — li pensis. Dum la tuta antaŭtagmezo li estis havonta nur unu aferon. Sed ankaŭ tio estas tro teda hodiaŭ. Li ja ofte sentis kontraŭdirojn en sia profesio, hodiaŭ li ne havas emon denove batali kontraŭ si.

Preskaŭ dance, iom fajfete li trotis tra la flankstrato. Li preterkuris la domzorganton, kies farizean humilon li reciprokis per bonhumora afableco. Tiu rigardis post li kaj pensis:

— Kiu povus trovi la kaŭzon de lia bonhumoro. Antaŭ du minutoj li kriadis en la kuirejo.

— Estas frue ankoraŭ — konstatis la juĝisto kaj ekiris al la kontraŭa direkto. Sur la stratoj koketaj servistinoj ekbrilis, ridetis kaj kurantaj junuloj, laboristinoj, junulinoj reridis al la sunradioj; la benzinvaporo, la polvo brilis kaj bonhumore dancigis la petolajn bakteriojn en la flava aŭtuna aŭreolo de la metropolo.

Sur la angulo de la dua strato ŝlimvizaĝa etulo ludis en la sablo, kiun lia patro, la posedanto de la karbokelo, en granda kesto metis sur la trotuaron, por ke la malforta infano havu aeron, sablon kaj enspiru la fortigan varmon de la sunbeno. Li knedis la delikatan, oran sablon, trijara etulo, knedis, aspergis, konstruis el la sablo, kiam venis bonhumora giganto. La bonhumora giganto ekkaŭris apud la knabeto. Li ekenviis la infanon kaj, sub la preteksto de la amikemo al la infano, ekkaresis la malpuran vizaĝeton kaj sub la sama preteksto, sub la devigo de ia diabla petolemo li komencis filtradi la delikatan sablon. — Kiel bela, ora sablo — li diris miele al la infano. Sed la terura infano estis avara, li ŝajne rekonis la egoistajn motivojn en la agado de la juĝisto kaj ploraĉe li kuris en la kelon al la patrino kaj senigis la juĝiston de lia preteksto, sub kies flugiloj inside li povis ludi. Ludi. Kion fari, li pluiris. Post kelke da momentoj li sentis nerezisteblan deziron singarde paŝi, paŝadi, ke nur ĉiun duan ŝtonkubon lia piedo tuŝu kaj tiu tasko ŝajnis al li terure grava kaj tuj poste li komencis mediti: — Ĉu mi freneziĝis?

Ne, vere li ne estas freneza, tion li sciis kaj la sola kaŭzo de tiuj strangaĵoj estas la bonŝanca retrovo de la infaneco. Kaj poste venis stratlanterno kaj li devis ĉirkaŭrigardi kaj konstati, ke neniu rigardas lin, li jam estas en la senhoma vilao-kvartalo kaj poste li devis ĉirkaŭiri la stratlanternon kaj denove ĉirkaŭiri. Kiam la trian fojon li devis iri serioze ĉirkaŭ la lampokolono, virina voĉo alkriis lin el la etaĝa fenestro de la plej proksima vilao:

— Ĉu vi perdis ion, sinjoro juĝisto?

— Jes, sinjorino, ha, bonan tagon, sed mi jam retrovis mian cigaredingon — respondis purpurvizaĝe la juĝisto, kiu klinis sin por levi la »retrovitan« nenion. La sango fluis al lia kapo kaj post iom da salutbalbutado preskaŭ kure li forfuĝis.

— Terura urbo! Karcero! Konatoj kaj konatoj ĉie... — li grumblis. La malfavoro de la hazardo iomete vundis lian bonhumoron, sed baldaŭ li forgesis ĉion kaj li atingis la placon de la stacidomo. Freneza penso obsedis lian volon kaj en la sekva minuto li jam telefonis al sia kolego, ke li havas neatenditan kaj

---

poezio, kiel la unua — kaj ankaŭ ĝis nun ne superita — eksperimento. Kaj ni povas vere bedaŭri, ke ĝin ne sekvis aliaj, pli maturaj, pli dramaj kreaĵoj — ĉar tiajn ni estus povintaj certe ricevi de Privat, kaj kiu scias, kiam ni povos ricevi de iu?

*

Post ĉi tiuj du verkoj Privat forlasis la versan formon. Ni vidis, ke intensa dolora travivaĵo kirlis en lia animo la dolĉamaran fluidaĵon de lia poezio. La doloro kvietiĝis, la »peka forgeso« tamen vualis la turmentajn memorojn, kaj dumtempe Privat sin turnis al prozaj verkoj, kiuj okupis lian plumon for de la liriko. Tamen, poeto restas poeto. Funde tiu poeteco vivis plu, en liaj »Vivo de Zamenhof« »Historio de Esperanto«, Karlo (!), eĉ en lia prilingva »Esprimo de sentoj en Esperanto«. Vere estus interesa tasko postserĉi en ili la lirikajn elementojn.

neprokrasteblan aferon kaj ĉu — vi bonvolus anstataŭi? Jes, tute simpla afero, cetere la protokolisto konas bone ĉion, jes prokrastu, dankon, koran dankon — kaj li jam staris antaŭ la biletkaso, kaj jam estis en lia mano la bileto al la banloko situanta apud la grandega lago, en trihora distanco de la ĉefurbo; tie nun, dum la aŭtuno, li renkontos neniun. Li volis ludi, ludi, senzorge infane sub la libera ĉielo. Kun la sento de radianta infaneco li trovis lokon en malgranda kupeo.

II.

Ĉio estis tre agrabla. La vitrohalo de la stacidomo revokis la feliĉan ekscitiĝon de la junaj jaroj, la kriado de la vendistoj, kiuj en radaj turoj rulis delikatajojn (tuj li aĉetis el ili), la vigla movo de la vivo, la energia ritmo, ĉio, ĉio anoncis la liberiĝon. Kaj tiu liberiĝo junrozojn sorĉis sur la vizaĝon de la juĝisto, la bluon de la ĉielo pentris sur liajn okulojn kaj la miraklon de la homa optimismo; la infanan ĝojon de blonda, altkreska kaj korekta viro mire kaj serene rigardadis iu.

Verdire li estis iom tro okupita pri la forkura jubilo kaj tiel okazis, ke la ĉarma vizaĝo de la juna virino, kiu sidis kontraŭe al li, nur tiam ekkaptis liajn okulojn, kiam la rapidvagonaro kun majesta ekmovo komencis sian vojon. De kiam li ekhavis la bonŝancan ideon, forlasi la urbon, ĉio favoris al li, ĉio nur plialtigis lian feliĉan transformiĝon. Ankaŭ tiu ĉi bela juna vizaĝo! Kvazaŭ ŝi estus reveninta el la revoj de la knabaj jaroj. Gracia, maldika, subtila figuro, malhela onda hararo, kiel ĉarme ŝi ekskuis nun la delikatan etan kapon, kiel ondumas la mallonga hararo, kiel maldikaj estas la belarkaj lipoj, kiel milda koketemo estas en la malhelaj vestaĵoj, el kiuj marmore reliefiĝas la belforma kolo kaj la apenaŭ korektita natura koloro de la vizaĝo. — Kaj la vagonaro kuregas. Kiel belege brilas la suno, kian transteran ridon ĝi sorĉas al la aŭtuna vivo, kiel bela estas la kolorkanto de la arbustoj, kiuj ruĝajn, brunajn, flavajn kaj melankolie malhelajn salutojn komplimentas al la malfidelaj sunradioj. — Kiel belaj estas la apudmontaj vilaĝoj kun la blanke ridaj domoj, kun la timemaj blankaj anseroj kaj amikaj infanoj, kiuj gaje mansignas al la giganta maŝino, por forporti iliajn salutojn al la fabellando, kien ĝi kuras. Kiel bele! Kiel bele!

La trian fojon li jam laŭte diris:

— Kiel bele...

— Vere tre bele — respondis, simple, amike, nature la junulino, kiu jam de minutoj atentis, iom patrinece la viron, kies vizaĝo tiel kompreneble aperigis liajn sentojn, ke vere ne estis malfacile sekvi liajn pensojn.

La juĝisto iom surprizite alrigardis ŝin. Ankaŭ tiu ĉi senpera aliĝo al liaj pensoj, estis ne esprimeble agrabla, li spiretis kvazaŭ en varmeta akvo; ĉio, ĉio servis nur la neverŝajne fabelan etoson, kiu ĉirkaŭis lin hodiaŭ. Tiu ĉi subtila ĉarma knabino! Lin ektuŝis la atmosfero de la unua knabamo. Jes, li devus poemi pri tiuj lipoj. — Nur momenton aperis en li la riproĉplena vizaĝo de lia bonaplomba ĉiutaga burĝmemo, sed en la sekva minuto li jam denove transdonis sin al la admiro de la forkuranta kato, flirtanta papilio aŭ al la plena admiro de la knabino.

La parolado daŭris same senpere kaj nature, kiel ĝi komenciĝis. Ŝi estas fianĉino, kaj nun vojaĝas hejmen el la ĉefurbo. Tie ŝin atendos li. Ili babilis, sed sub iliaj vortoj pagana faŭno komencis peli la

## El Desdichado

### (LA MALFELIĈULO)

— *Gérard de Nerval* —

Mi estas la tenebra, — la vidva, — senkonsola,
ĉe tur' ruinigita la princ' de Akvitanio:
*stel'* mia sola mortis, la liro stel-aŭreola
portas la *nigran Sunon* de la *Melankolio.*

Ho vi, en tomba nokto, iam al mi konsola,
redonu l' Paŭsilippon, maron de Italio,
la *floron* tiel plaĉan je l' kor' dezerte sola,
la laŭbon kie plektas sin vit' kun roz-folio.

Ĉu Amor' aŭ Feb' mi estas? Lusignan aŭ Biron'?
La frunt' ankoraŭ ruĝas de l' kiso de l' reĝino,
mi revis, kie naĝas Siren' en groto-sino.

Kaj mi, venkint' dufoje, pasis tra l' Aĥeron':
alterne modulante sur liro de Orfeo
ĝemojn de l' sanktulino kaj kriojn de la feo.

El la franca: *L. Totsche.*

---

nimfon de la brunflavaj arbustoj kaj la radianta vivoĝojo ĵetis fajron ankaŭ en la koron de la cetere sinkaŝema knabino. Oni nur devis alrigardi ŝin: ĉio ĉio anoncis korpan kaj animan purecon, senperan, konscian, saĝan purecon. Oni devas konfesi al tiu junulino.

Kaj post duonhoro li jam konfesis. Nu, ne pri amo li konfesis, sed nur pri la hodiaŭa mateno. Ne, pri la edzino li ne parolis. Ne pro virfriponeco, sed li mem ne sciis al si klarigi, kial tiu parto ellasiĝis el la konfeso. Kaj ankaŭ sian nomon li ne diris, sed tion li ne faris konscie, nur poste konstatis, ke tiam ili ne volis scii la nomojn. Dum la konfeso, liaj okuloj brilis, lia vizaĝo ardis kaj la tuta entuziasmigita knabvizaĝo, lia ridemo, plezuro faris dum minutoj tiun vojon, kiu estas ofte pli longa ol la plej longa distanco sur la tero kaj atingis la koron de la knabino, senkondiĉe transdonis sin al la papilia gajeco.

Kaj preskaŭ senhezite ŝi konsentis, ke ŝi ne daŭrigos nun la vojaĝon, ke ili kune promenos sur la forlasitaj promenadejoj de la apudlaga banloko. Lia fianĉo ja ne scias tute precizan alventempon, ŝi povas alveni post kelkaj horoj. Kaj oni ne devas timi tiun ĉi grandan knabon. La tuta epizodo promesas plezuron, forgesigan, feliĉan epizodon. Ne, ne inde batali kontraŭ tiu ĉi neniam revenonta sento. Kaj ili, nur ili solaj, forlasis la vagonaron ĉe la apudlaga stacio.

III.

La granda stacio oscedis pro la malpleno. Kelkaj miraj rigardoj ĝenis ilin, sed baldaŭ ili forrapidis kaj staris sur la bordo de la violkolora, belega lago. La alia bordo apenaŭ vidiĝis kaj sur la tuta granda akvo nur sola velŝipo naĝis en la malproksimo. Iom pli proksime kan-arbaro luliĝis kaj sovaĝaj anseroj, kriantaj birdoj flugis al la ĉielo. La ondoj mallaŭte tintadis kaj lavis la delikatan sablon de la bordo. Trankvilo, trankvilo, trankvilo! — Nun juna akva serpento spiralis antaŭ ili. La knabino ektimis kaj la viro subtile, kun frata sento ekkaresis ŝin. — Iom melankolia estis ĉio, ia malgajeco sentiĝis en la trankvilo, oni sub-



Ch. Despieaux *Juna kapo*

sentis la alvenon de io nekonata. La viro saturiĝis per melankolio.

Poste ili promenis kaj parolis preskaŭ neniom. Sed tiu silento ne postulis klarigojn, tiu silento estis la plej perfekta esprimilo de iliaj komunaj pensoj. — Ili jam ne havis emon por ludi; tamen, ili ne sentis sin trompitaj, sed plenplenaj de la plej inspira kontentiĝo. — La viro alrigardis ŝin. La graciaj piedoj singardeme tuŝetadis la sablon, kvazaŭ ŝi timus, ke pro la pli reala surpaŝo rompiĝas la sorĉo; ŝia ĉarma kolo iom fleksiĝis kaj la okuloj, tiuj brunaj profundaj okuloj brulis en melankolia fajro. Ĝis nun ili ne rigardis unu la alian kaj poste tute memkompreneble, en la sama momento, sen hezito kaj ĝeno kaj sentante ian mirindan fratecon ili simple interkisiĝis.

Ĉe la rando de la horizonto aperis nubostrio kaj la palaj konturoj de la kontraŭbordaj mondoj malaperis. Post kvaronhoro la vento ekblovis kaj la subite ekiĝinta pluvo kaj pluvoj ekkurigis ilin. Tiam ili jam ridegis. La sorĉa vualo disŝiriĝis en la pluvo kaj en la pluvego ili devis rapide serĉi azilon. — Sur la bordo forlasite, izole dormis kelke da vilaoj. La pluvo plifortiĝis, kiam ili atingis la unuan. Neniu en la ĉirkaŭaĵo. Kaj senpense, nur iom petole, li elprenis siajn ŝlosilojn kaj ne estis la unua miraklo hodiaŭ; la dua ŝlosilo povis malŝlosi la pordon de la vilao. Ĉio kvazaŭ en sonĝo. La knabino reridis kaj ili eniris.

## IV.

La vilao ne estis neloĝita. Almenaŭ ŝajnis, ke oni kutime vizitas ĝin ĉiusemajne. Iom da malordo, ia hejmeco atestis, ke oni estis en ĝi antaŭ kelkaj tagoj kaj la malfermita libro sur la tablo iom ektimigis ilin, ke la posedanto de la vilao revenos; sed tuj poste la viro kun infaneca ĝojo malkaŝis la rezulton de sia detektiva esplorado: en la tuta domo estis nur dimanĉaj kaj sabataj gazetoj, do la posedanto de la vilao estas tiaspeca obstina semajnfinulo. Pri tio ili absolute ne pensis, ke ili faris ion kontraŭkutiman, speciale ne pensis pri tio mem la juĝisto.

Rideme kaj ridege ili eniĝis en la interesan situacion kaj jam ne estis mirinde, ke post la subite aperanta malsatiĝo ili ambaŭ fervore serĉadis manĝaĵojn. Kaj post ne longa tempo ili trovis skatolon da sardenoj kaj tiun trezoron ili kompletigis per la buterpanpecoj, kiujn la edzino de la juĝisto enpakis.

— Ĉu edzo...? — demandis la knabino kun iom milda riproĉo.

Tio estis la unua vorto, kiu rilatis lian normalan vivon kaj la ombreto, kiu dum momento eksidis sur ilia humoro, baldaŭ forflugis. La pluvo malrapidiĝis kaj ili daŭrigis la detektivadon, ili rigardis la libron, lasitan sur la tablo:

— Inteligentulo — eldiris la knabino la verdikton — rigardu, li legas la plej modernajn francojn.

— Li estas fraŭlo, — konstatis la juĝisto, kiu rimarkadis speciale la ne tute modelan mikson de la aĵoj.

Kaj ili decidis, ke ili lasos kelke da dankvortoj al la posedanto. Kiel li surpriziĝos!

Kaj dum la esplorado kaj malkovro de la nekonata vivo, li ekflamiĝis kaj subite kun nekontraŭstarebla vervo li premis al si la knabinon. Ŝi fermis la okulojn, ektremis kaj baraktis inter la fortaj brakoj kaj falis, falegis. Nur momenton daŭris tiu ĉi malstreĉiĝo, en la sekva minuto ŝi koncentrigis sian tutan forton kaj ekkriis:

— Kion ni faras? Rigardu!

Tra la fenestro ili ekvidis, ke la gardisto de la bankolonio proksimiĝas. — Terure, kio okazos, se li trovos ilin ĉi tie. Piedfingre ili ŝtelkuris al la malhela antaŭĉambro kaj kun batega koro ili aŭskultis la ŝmacon de la proksimiĝantaj kaj poste foriĝantaj pezaj botoj.

Poste ili reekspiris. La viro provis ridi kaj la respondrideto de la knabino estis tre malgaja.

Tiam revekiĝis en li la rabviro. Li volis fini la komencitan batalon. Sed la knabino milde protestis.

— Ne forgesu la gardiston — ŝi diris kun subtila simbola ironio.

Kaj li ne forgesis la Gardiston. La Gardisto, la moralo jam reaperis en tiu ĉi senverŝajna sonĝo. Lia dorso ekfrostis, kiam li pensis pri la skandalo, kio estus povinta okazi. Pensu, li estas juĝisto! Kaj la unua sento estis profunda malkontenteco kaj malesperiĝo kontraŭ la ligiteco, kontraŭ la maljusteco de la papilie efemera vivo, kiun oni devas aranĝi kvazaŭ oni vivus eterne.

La knabino alrigardis la horloĝon:

— Sankta ĉielo! — ni devas rapidi por ke ni atingu la vagonaron.

— Jes, ni devas rapidi — respondis la viro kaj eksvingis la malplenan botelon, kiun li tenis en la mano.

— Kion vi faras? — demandis ektime la knabino.

— Mi nur rompas la murspegulon — respondis la viro, dum la spegulsplitoj tintbrue falis sur la plankon. Poste li aldonis:

— Ion oni devas fari...

## IV.

Ili kuris. La vagonaro de la knabino jam staris ĉe la stacio. En la lasta momento ŝi alvenis. Dum la kurado ili jam ne pensis pri la pasintaj horoj, nur pri la feliĉa saviĝo. Ili ne pensis pri tio, ke eble estus bone malfrui, ili nur kuris, kuris... Kaj kiam la knabino jam estis en la kupeo kaj kun iom pala reviviĝo de la sonĝo ŝi ridetis al la viro, li postulis de ŝi:

— La nomon, la adreson...

— Neniam, neniam — respondis la knabino kaj la vagonaro forportis ŝin en la nebulon de la sonĝoj.

Kaj nun ankaŭ li sidas en vagonaro. Ne estos pli ol la sesa vespere, kiam li realvenos.

Ŝt-ŝt-ŝt-ŝt ... la radoj muzikas, nun li estas survoje al la hejmo

# Kristnasko-festeno de l' mizeruloj

— Raymond Schwartz —

Jam de dek-kvin tagoj Macache, tiu ĉiama sentaŭgulo, havis firman oficon ĉe la Pariza Reklam-Kompanio. Lia tasko ne estis malfacila kaj ĝi apenaŭ limigis lian soifon je libereco. Sur la grandaj bulvardoj, de tagmezo ĝis la 6-a vespere, li disdonadis prospektojn. Dum tiu dejortempo li verdire ne rajtis deflankiĝi de l' ordonita vojo, sed aliparte li ne estis enfermita en malvasta laborejo; li povis spiri kaj filozofi, ĉar la aŭtomata gesto de l' disdonado neniel absorbis lian pensliberecon. Plue — kaj tion li ŝatis — li ricevis ĉiutage sufiĉe da moneroj por akiri funton da pano kun »surajo« kaj tutan litron da ruĝa. Jam de dekkvin tagoj li enmanigis al preterpasantoj tiun invitilon al originala kristnask-festeno en Bicherel, kies tekston li konis nun parkere. Komence li estis tiel ofte leginta kaj releginta la programon kaj menuon kun ĉiam pli tentanta antaŭĝuo, ke la nura vido de tiuj flavaj paperetoj kun la promesitaj diaĵoj vekis ĉe li frandeman avidon, kiu ne povis pli bone esprimiĝi ol per ŝmaca klakbruo de l' lango.

> La 24-an de decembro 1933
> kristnask-festeno en unika kadro
> Izolite meze de l' arbaroj la moda gastejo
> en la antikva muelejo de Bicherel proponas
> al vi tiun ĉi
>
> PROGRAMON:
>
> Je la 22-a: Generala gajiĝo — kokteloj kun muziko.
> Je la 23-a: Ekmarŝo por ĉeesti la noktmezan meson en la preĝejo de Tremblay (2 km.) — La tuta servistaro akompanos la gastojn lumigante la vojon per torĉoj.
> Je la 24-a 1/2: Reveno el Tremblay.
> Je la 1-a: Delikata festmanĝo.
> Je la 4-a: Granda farandolo — ĵaz-orkestro. — Oni dancos ĝis la mateno. —
> Multaj surprizaĵoj.

Kaj sur la dorsflanko:

> MENUO:
>
> Kokinbuljono en tasoj.
> Kristnaska kolbaso krad-rostita,
> sur pom-kanapo
> Kankroj laŭ maniero de Bordeaux
> Kokido de Bresse sur roststango
> farĉita per kaŝtanoj.
> Strasburga hepatpasteĉo sur
> Porto-vina gelatenaĵo.
> Salato.
> Glaciaĵo de Bicherel.
> Frandaĵoj de l' muelejo.
> Fruktoj.
> Diversaj vinoj kaj ĉampanoj
> kafo kaj likvoroj.

*

Estis la kristnaska vespero. Duoble pezis la mizero de l' senhejmuloj pro rememoro al pli afablaj tempoj. Estis ĝene gapi al tiuj burĝoj, kiuj rapideme, ŝarĝitaj per dolĉaj pakaĵoj, afiŝis sur siaj fremdaj vizaĝoj larĝan rideton de feliĉaj homoj... kaj Macache eniris en sian kutiman dormejon, abomenan keltruon en la kvartalo de l' vendhaloj. Naŭza haladzo tuj ekgratis lian gorĝon. Ftiza gasflameto anstataŭ lumigi nur plidensigis la ombrostriojn de sulkaj vizaĝoj. Jen liaj kunuloj. Defalaĵoj de l' vivo. — Antaŭ ol endormiĝi sur duonputraj pajlosakoj kelkaj kun blasfema ironio ekzumis kiel ehon el fora nokto la kanton de l' festo:

»Naskiĝis la dia infano...«

Aliaj krudvorte ruktis sian malbonhumoron, dum la pli rezignemaj trompis malplenon de l' ventro kuntirante la zonon je du pluaj truoj. »Hej, kunuloj,« Macache ilin vigligis, »venu al la festeno!« — Kaj li deklamis al ili la prospekton de l' gastejo en Bicherel. Kaj tiam oni insultis lin. »Li freneziĝis,« — »Forĵetu la ebrulon!« — Sed Macache konis sian planon. »Aŭskultu do, idiotoj kaj kripluloj! De la 23-a ĝis duono post noktomezo la gastoj kaj la tuta servistaro estos for. Ĉu vi vere ne komprenas? La kuirejo apartenos al ni, al ni la provizejo, al ni la keloj. Jen mia amiko Champignon; — li ĵus malŝarĝis sian aŭton; li liveris siajn brasikojn kaj salatojn; ĝis la 3-a li estas libera. Tio sufiĉos. Gesinjoroj, envagoniĝu!« ... Kiel ili ekstaris, kiel ili saltis! For la dormemo! Do mi ĝissate iri povos ĉiutage, sed manĝi... »Nom-de-Di', — kankroj!« — »Kokidaĵo!« — »Pasteĉo!«... La ŝarĝaŭtomobilo de Champignon estis plenplena. Oni ekveturis. Tiel premite ili kaŭris, ke ili ne sentis la pinĉon de l' frosto. Jen kuŝis Balourd, la pedikpatro, — Maupois, la unukrurulo, — Mich, la almozulino de l' strato Rivoli, — Crédieu, la ŝtelisto, — Ivan, la kozako, — Cruche kaj Rouplon, kaj ĉiuj kaj ĉiuj. Jam post unu horo la veturilo forlasis la ĉefŝoseon kaj sekvis tra la arbaro mallarĝan vojon al Bicherel. Kaj ili estis bonŝancaj. Jen rigardu, tiu moviĝanta linio de fajropunktoj, tio estas la gaja procesio enkadrigita de l' torĉportanta servistaro. Ne tro rapidu, Champignon, — lasu ilin malproksimiĝi. Kaj nun antaŭen, antaŭen nun, pezulo! Ni estas malsataj.

En Bicherel ĉio dormis. Senhezite ili eniris, unu puŝante la alian. Dikaj tapiŝoj de l' antaŭhalo moligis la takton de l' paŝoj. Agrabla varmo sorĉis sur la rigidajn vizaĝojn iom da ĝojo. Jam Macache estis trovinta la kontaktbutonojn de l' manĝoĉambrego. La subita eklumo el dekoj da kristalaj lustroj blindigis ilin. Ĉio brilis tie, la glasoj, la teleroj, tranĉiloj kaj forketoj, la tablotuko kiel neĝo. Kaj vidu, ho Sankta Naztruo! boteloj, boteloj, boteloj... Tiam venis el la kuirejo, scivoleme kaj miregante, du blankvestitaj saŭcistoj, — sed jam post kvin minutoj ili estis enfermitaj en murŝranko. Kaj komenciĝis pradia regalado. »Hej, mia ventro, larĝiĝu!« — »Je via sano, Macache!« — Ankoraŭ iom da pasteĉo, grafino?« — »Nu, Rouplon, kion vi pensas pri tiu ĉi St-Estèphe?« — Nur Miche nenion diris; ŝi glutis tutan femuron de l' kokido tiel avide, ke la grasa suko degutis de ŝiaj buŝanguloj. Kaj de tempo al tempo unu aŭ la alia eliris por flari, ĉu minacas neniu danĝero. La festo daŭris. Miche, kun plena ventro, jam ronkis sub la tablo. La aliaj ridegis.

»Fuŝite!« — Kiel estis eble, ke ili nenion rimarkis? Kaj kie estis nun pli da mirego, ĉu ĉe la revenintaj noktmesuloj, ĉu ĉe la surprizataj ŝtelfestenanoj? Macache, pro malvarma ŝvitado, ektremis antaŭsentante belan petardadon. Adiaŭ libereco! La tuta bando estas

# Vojaĝo en Faremidon

**— Frederiko Karinthy —**

OKA ĈAPITRO

*La aŭtoro ekskuzas sin, ĉar nur skizon bildon li povis doni pri sia grandsignifa vojaĝo. / Lia mastro portas la aŭtoron sur monton, kie mirindaj ekkonoj lin konsternas. / La aŭtoro revenas en sian patrujon kaj trovas sian familion en bona sano.*

Mi povus plenigi volumojn kaj komponi cent muzikverkojn pri tio, kion mi lernis en Faremido, sed ĝi fariĝis nur mallonga skizo, kiun mi apenaŭ tuŝos plu. La instruon, kiun mi tie ekkaptis en vento kaj uragano, en la senkorpa muziko de l' varmo kaj elektro, mi ne povas klarigi en ĝia definitiva vero ĉi tie sur la Tero, ĉar tiu sola lingvo, per kiu mi povus ĝin esprimi, ĉe ni estas nur balbuto fremda kaj nekomprenebla, kiun ni nomas: la mistiko de l' muziko kaj kiun ni konjektas nur tiel kaj tiom, kiom la dormanto la parolon de tiuj, kiuj staras apud lia lito. La memoro de mia vojaĝo en Faremido, rakontita en vortoj, do restu konfuza kaj taŭzita fragmento, modesta signeto, fulga stelosplito en muzeo, por anonci al tiu, kiu kuraĝas kredi, ke estis homo, kiu iris sur la bordoj de tiu stelo.

Per kelkaj vortoj — prefere por mi mem — mi notu do mian lastan tagon en Faremido kaj la manieron de mia reveno sur la Teron.

Iun tagon mia mastro, Midore, min kunportis sur altan monton kaj min sidigis apud sin. Kien ajn mi rigardis, senfina maro etendiĝis en la malproksimo: maro, kiu ne havas horizonton, sed ĉirkaŭe ĝi fandiĝas kun la ĉielo, kvazaŭ la monto, sur kiu ni sidis, leviĝus sola el la senfina spaco.

Tie sidante apud mia mastro ree mi sentis, kion la unuan fojon, kiam mi ekvidis lin sur la tero de Faremido: la plezuron de senfina Belo, kiun sentas la artisto skulptante sian amatinon el karno kaj sango, en marmoron pli eternan ol karno kaj sango kaj pli indan al ŝia beleco. Tiam min kaptis stranga, ne turmenta, prefere bonvena tristo. Mi pripensis ĉion, kion Midore diris al mi pri la Organika Vivo kiel pri malsano kaj mi ne volis plu disputi kun li. Mi memoris pri la mizero, sufero, malsano, murdo, stertoro kaj morto, sango kaj siblo, teruro kaj mallumo, embusko kaj mensogo, deziroj kontraŭdirantaj inter si kaj misaŭguraj, pri tiu konfuza kaj absurda panoramo, kiun ĉe ni ĉiu scienco nomis la historio de l' Vivo. Kaj se post ĉio ĉi mi rigardis en la vizaĝon de Midore, kiu laŭ nia tera scio estis el morta kaj senviva materio, el oro kaj malvarmaj ŝtonoj, kaj el kiu, jen, radiis al mi la plej bela ritmo, la plej celkonscia movo, la plej brila lumo, la plej pura varmo, la plej dolĉa sono: klare mi devis senti, ke *mi* eraris kaj kun mi la tuta homa intelekto. Tiam mi ekploregis kaj balbute mi konfesis al Midore miajn dubojn kaj mian konvertiĝon, surgenue mi petegis lin, ke li savu min de mia senvalora kaj stulta vivo, kiu estas nura malsano kaj balasto, same por aliaj kiel por mi mem.

Malespere mi kriadis, ke mi ne volas fariĝi simila al tiuj doloraj, sekiĝintaj arboj, ĉi tie apud la landvojo, kiam pereos la malsana vivo sur la Tero kaj ekregos la vera leĝo de l' ekzisto: la varmo kaj energio, magneto kaj lumo. Mi memorigis lin, ke ankaŭ mia kripla kaj malsana korpo enhavas purajn, noblajn materiojn, kvarcon kaj karbon kaj akvon, li do pereigu, bruligu, en retorto trafiltru min, li ekstraktu el mi la valorajon kaj uzu ĝin, kiel li povas, por fari el ĝi la okulojn aŭ buŝon aŭ orelojn de iu solasi; la restaĵon li ĵetu al la vento, ke ĝi neniam plu unuiĝu. Aŭ, se li tion ne faros, li aldonu al mi ion, banu min en io, pro kio mi rigidiĝos kaj iĝos ŝtono (ili ja ĉion scias kaj ĉion komprenas: ili jam vivas de multaj milionoj da jaroj kaj la naturo ne plu havas sekreton antaŭ ili) kaj mi ne devos morti sufer-torture, per turmento de turmentoj punite pro tio, ke mi naskiĝis.

Midore ridetis kaj en sia bonanima kaj trankvila maniero li atentigis min, kiel erare mi esprimis min dirante, ke ili solvis ĉiun sekreton de la naturo. La solasi ne bezonas tion, ĉar la solasi mem estas la sekreto de la naturo, li estas mem la naturo. Estas vere, ke por la kompreno de tio mi fakte bezonus ilian intelekton, kiu estas el pura kaj travidebla, senŝanĝa materio, kaj kiun movas senperaj fortoj, kaj ne mian haladzantan cerbon, movatan de sango, maturan por ĉiu putro kaj pereo Koncerne mian deziron pri la sanigo de mia korpo kaj pri ĝia uzo por io: ĉi tiu deziro estas tre logika kaj justa kaj li vidas el ĝi, ke mi komencas konjekti ion el la esenco de l' Ekzisto. Eĉ, oni povus paroli pri la afero, ĝi estus ja simpla ĥemia procezo; oni devus apliki reagilojn, filtrilojn kaj fandfornojn, en kiuj ekiras la procezo de la oksidacio. Tamen, mia korpo en sia hodiaŭa formo ankoraŭ ne maturiĝis por tio; se li nun farus ĉi tiun laboron pri mi, li kaŭzus al mi superfluajn dolorojn kaj tio ne estas bezonata, konsidere ke post mallonga tempo, kion ni nomas dekdudek jaroj, ĉi tiu procezo ja komenciĝos en mi per si mem kaj mi ne devos pro ĝi suferi. Li povas tuj pruvi, kiajn konfuzojn kaj turmentojn kaŭzus nun ĉi tiu pro-

---

kaptita kiel vulgaraj kunikloj. M ... !

Tiam rompis la silenton dika pastra sinjoro, supozeble la pastro el Tremblay, entute afablaspekta homo.

»Gesinjoroj,« li turnis sin al la gastoj »Gloria in excelsis Deo! Kaj sur la tero paco, inter la homoj Difavoro! — Dum tiu ĉi solena tago, kiam ni festas la naskiĝon de l' Diofilo en mizera stalo de Bet-Lehem, ni ne montriĝu severaj kontraŭ tiuj ĉi malfeliĉuloj. Ni donu nutraĵon al niaj malsatantaj fratoj, kaj se ili soifas, ni donu al ili por trinki!« Kaj aprobante ĉiuj aplaŭdis, pli amuzite ol konvinkite. Mondumaj sinjorinoj blekride konsentis: »Kiel interese! — Bela surprizaĵo, — tute originala ...«

Kaj jen la riĉaj sinjoroj tuj malfermis siajn cigarujojn, jen elegantaj, zorge flegitaj manoj, brilantaj per ringoj kaj ungoj, prezentis likvorojn. Ĉarma blondulino, malvirtokula, filino de aŭtentika bankisto, taŭzis la harojn de Macache kaj susuris: »Mi amos cin. Ĉu ci komprenas? Venu, bela bubo, hodiaŭ vi gustumos paradizan ĝojon. Prenu, mi donacas min!« Pesto! Ŝi estis bela knabinpeco.

... »Ĉu mia pordo estas nun noktazilo? — He, malpurulo, moviĝu! Kie do sin kaŝas la policistoj?«

... Macache vekiĝis pro la doloro. Kolera sinjormoŝto lin forpiedumis, dum peltokovrita sinjorino, tremetante pro la matena vento, kun okuloj lacaj post tradiboĉita nokto, diris nur: »Skandale! Kion faras la policistoj?«

Preninte senvorte la malplenan botelon Macache ekmoviĝis, riproĉe grumblante kontraŭ tro ĝojaj preĝejsonoriloj, kiuj vokis al frumeso: »Fermu do viajn faŭkojn! Oni ja scias, ke estas Kristnasko ...«



Claude Monet *Vézeuil*

cezo: li ĉeĥavas fluidon, post kies injekto en mian oblongan medolon, mia menso klariĝos iom por kelkaj minutoj kaj miaj sensoj iom pli klare perceptos la fenomenojn.

Midore prenis vitran injektilon kaj ĝin pikis en mian kolon; mi sentis, kiel penetras la malvarma fluido en miajn vejnojn. Por kelkaj momentoj la mondo iĝis antaŭ mi malluma, poste mi vekiĝis je muziko ĉiam pli kaj pli laŭta kaj triumfa. Vere nur tre konfuzan bildon mi povas doni en vortoj pri tio, kion mi travivis dum ĉi tiuj kelkaj minutoj. Tio estis muziko de muzikiloj multspecaj, akre diferencaj unu de la alia kaj tamen kunfandiĝantaj; poste Midore eĉ montris al mi la unuopajn muzikilojn kaj dum ĉi tiuj kelkaj minutoj mi vidis tion, kies vido ĝis nun ankoraŭ ne estis donita al homaj okuloj. Mi vidis la varmon en kolora kaj ondanta rivereto ĉirkaŭflui kaj kovri mian korpon, mi vidis la lumon, kiu proksimiĝis saltante de unu objekto al la alia; mi vidis la magnetan forton, kiel la korpoj elŝprucigis antenojn kaj pintojn, palpis, ekkaptis unu la alian, ekiris unu al la alia. Sed estis pli grave ol ĉio ĉi, kion mi tiam komprenis tra miaj sentoj, ke ĉio, kion mi vidas per miaj okuloj, vivis en mi ankaŭ ĝis nun, en mi kaj en ĉiu homo, tra miljaroj, ke ĝi estis ĉi tiu mane palpebla kaj simpla mondo, kiun ni nomis neesprimebla kaj Transcenda kaj Superhoma, kvankam ĝi estis en kaj ĉirkaŭ ni, nur niaj sentorganoj, la obtuzaj kaj neperfektaj instrumentoj ne donis imagon pri ili al nia menso. Kiel iu, palpadinte en la mallumo kaj ekvidinte la sunon, genufalas kaj nomas ĝin dio, tiel ni nomis dio la estajon, kiu jen, ĉi tie staris antaŭ mi kaj kiu ne estas alia ol kia *mi* devus esti, se en bonajn manojn mi estus veninta; kaj kia *mi* devas iĝi, se mi ĝuste komprenos min mem kaj purigos mian korpon de la putrema materio. Mi rigardis en la okulon de Midore kaj tiam mi rekonis, ke jen estas la okulo, kiun mi vidis de la Tero nomante ĝin Stelo: perfekta, intelekto-konstruita instrumento, kaj mi kaptis lian manon kaj tiam mi sentis kiel foje, en mia infanaĝo, kiam nokte mi vekiĝis kriegante, ĉar malvarma kaj malseka kaj fremda mano prenis mian brakon, kaj kiam oni kuris al mi, oni ridante trankviligis min kaj montris al mi, ke tio estis mia propra mano, sur kiu mi kuŝis en sonĝo kaj kiun mi torporigis.

Tiel komprenínte ĉion ĉi, forta embaraso kaj maltrankvilo estiĝis en mia koro kaj mi kriadis laŭte: »sed

## *Dum novembra aprilo*

Aŭtuno volas festi,
printempe sin travesti,
burĝonas nove flor',
eksaltas ree kor'
por nesti.

Kaj tamen venas vintro
(sed ĝi prokrastos sin tro).
Post pluvo dumonata
ĉiel' lazura, glata,
post cindro.

Ĉu estas pli alloga
vort' vera aŭ mensoga?
Ĉu portas pli da sveno
sanilo aŭ veneno
droga?

Ni revu: temp' someras,
mi kredas kaj esperas;
nigrega okulparo'
min gapas en l' arbaro.
— Am' veras.

*A. Nunez Dubus.*

## *Kvazaŭ formikoj*

Ni estas samkiel popolo formika,
sen revoj, sen lumoj, sen heloj, sen briloj;
sed kelkaj formikoj eksentas aŭtune,
ke sur sia dorso aperas flugiloj.

Sentante flugilojn, la best' bedaŭrinda
fariĝas ebria pro ĝojo, pro lum',
la novajn organojn senĉese ĝi movas
kaj sur ĉiu skvamo reflektas sin sun'.

Sed floro sufiĉas, aŭ herbo, aŭ vento
kaj el l' insekteto defalas flugiloj...
... Ni estas samkiel popolo formika
sen revoj, sen lumoj, sen heloj, sen briloj.

*Amalia Nunez Dubus.*

## *Tri miniaturoj*

*— Edit Södergran —*

Degelis kiel neĝo aerkasteloj miaj,
forfluis kiel akvo la revoj,
el ĉio, kion amis mi, ĉielo restis nur
kun kelkaj steloj palaj.

*

Floron vi serĉis — trovis frukton,
fonton vi serĉis — trovis maron,
virinon vi serĉis — trovis animon —
malkontenta vi estas...

*

Venas vespero malvarma...
Sorbu el mia mano la varmon,
mia mano havas sangon printempan.
Mian manon prenu, mian brakon blankan,
prenu la sopiron de miaj junaj ŝultroj.
Senti, senti unu nokton nur,
en nokto kia la nuna
vian kapon peza sur mia brusto ...

El la sveda: *Magda Carlsson.*

# Kelkaj japanaj poemoj

– G. Waringhien –

**Miro**

*Vintro. Neĝadas.*
*Sed estas ja neĝero*
*floreto ankaŭ.*
*Estus do, trans la nuboj,*
*jam ia primavero?*

(El Manjoŝu.)

**Medito antaŭ la spegulo**

*La flor-koloro*
*disiĝis sub pluv-ago,*
*dum rigardadis*
*mi vane, kiel pasas*
*en mond' mia plu-vago.*

(Ono no Komaĉi.)

**Sekreta amo**

*Sub neĝo vivas*
*tamen prunarbo blanka,*
*kaj eĉ ekfloras.*
*Mia timema koro,*
*ha, mia koro, ankaŭ.*

(Anonima.)

**Metamorfozo**

*Ruĝa libelo.*
*Forŝiru la flugilojn:*
*paprika ŝelo!*

(Kikaku.)

**Anstataŭo amika**

*Velkas meĉlumo.*
*Mi kuŝos do. Sed — vidu —*
*fenestre — Luno!*

(Baŝo.)

**Komparo**

*De papilio*
*flugiloj: de virgino*
*juna gracio.*

(Isa.)

**Pli humana respondo**

*Paprika ŝelo.*
*Almetu du flugilojn:*
*ruĝa libelo!*

(Baŝo.)

**Optimismo**

*Nur iluzio*
*estas ĉi roso-mondo.*
*Sed, malgraŭ tio...*

(Isa.)

**Orfeco**

*Kun mi, vi frate*
*senpatraj birdoj, venu*
*ludi kompate!*

(Isa.)

---

kial do? kial?«, mi kriis: »kial tio devis tiel okazi, kial ni ne komprenis tuj ĉi tiun klaran kaj simplan parolon de l' sferoj?« Sed neniu respondis kaj la efiko de l' magia fluidaĵo komencis ĉesi malrapide, ĉiam pli kaj pli silentiĝis ĉirkaŭ mi la muziko de l' elementoj kaj drapiro de malluma nebulvualo descendis antaŭ miajn okulojn.

Tiam mi pravigis Midore: miaj korpo kaj menso ankoraŭ ne estas sufiĉe maturaj, por ke sen doloro kaj tristo mi povu ilin forlasi en la intereso de pli bona celo, de pli pura harmonio. Mi demandis lin, kion do mi faru, kaj li rekomendis, ke mi reiru sur la Teron kaj vivu la vivon de la homoj, ĝis ili ĉi-supre juĝos min konvena por esti elmetita al la menciita ĥemia procezo. Li promesis, ke, dum mi estos sur la Tero, ili konstante observos min per iliaj bonegaj instrumentoj; tio servu por mia trankviliĝo, se post tio, kion mi vidis ĉi tie, mi malesperos. Midore tion aldonis, ĉar mi plendis al li angore kaj senkuraĝe, kiel mi elportos poste la societon de l' homoj kaj bestoj: la tutan dosireon, kiun, observinte tra iliaj instrumentoj, mi tiom abomenas. Je la demando, kiel okazu mia hejmenvojaĝo, mia mastro ridetis kaj diris, ke tion mi povas plene konfidi al li.

Tiutage kun dolora koro kaj senespera tristo en mia animo mi adiaŭis tiujn solasiojn, kiujn ekkoni mi havis honoron. Mia mastro sidigis min sur la dorson de ia maŝino kaj igis min gluti pulvoron, por ke mi ekdormu kaj ne sentu la penojn de la longa vojo. Rekonsciiĝinte el mia profunda dormo, mi kuŝis sola sur roka bordo kaj mia mastro jam ne estis apud mi. Mi ĉirkaŭrigardis kaj komprenis, ke ree mi estas sur la Tero kaj la rememoro de l' tempo pasigita en Faremido jam ŝvebis en la tempo kaj spaco kiel fora, belega sonĝo. Mi klinis mian kapon en la duran polvon kaj ploris malespere.

La vesperon de l' sama tago min trovis norvega vilaĝano: mi eksciis, ke mi estas proksime al Helsingfors, sur neŭtrala teritorio, kaj mi devas nenion timi, ĝis mi alvenos la limon; ĉu per pasporto mi povas de tie iri al mia patrujo, tio estas tre duba, ĉar Britlando rigardas iom strabe la neŭtralecon de Holando. La vilaĝano ege miris, ke min tute ne interesis, kiel evoluis la mondmilito dum la unu kaj duono da jaro, kiom da teritorio okupis la kontraŭuloj unu de la alia, kiom da homoj pereis, kiom venis en kaptitecon, kiom mortis pro epidemioj, kiom da aeroplanoj estis depafitaj, kiom da militestroj distingitaj kaj kiom eksigitaj.

Mi ne tedas la leganton per la detaloj de mia hejmenveno, nek per tio, kiom malfacile mi kutimiĝis al la netolereblaj por mi formoj de l' komunikiĝo kun la dosireoj. Komence ili rigardis min frenezulo pro miaj ektimaj kaj hororaj retrosaltoj, per kiuj mi defendis min kontraŭ la manoj al mi etenditaj aŭ kontraŭ la vivantaj estaĵoj al mi proksimiĝantaj; la kuracistoj konstatis idiosinkrazion; kiel ili estus povintaj scii, ke mi kutimiĝis rigardi la vivon infekta kaj fetora malsano, kies ĉiu tuŝo kaŝas en si mortan danĝeron? Mi ne disputis kun ili, pace kaj pacience mi atendas la tagon de la liberiĝo, fidante je la promeso de mia bona mastro, kiu diris al mi, ke li prenos min al si, kiam li juĝos mian korpon matura por ĉi tiu honoro. Gis tiam fide kaj kun interna sekreta ĝojo mi rigardas kelkfoje al la blua ĉielo; kaj en lia bonanima varma okulo, kiun la homoj nomas Suno, kelkfoje mi kvazaŭ legas kuraĝigon sole al mi parolantan: ke li ankoraŭ rememoras pri mi kaj ke li min ne forgesos.

Mia vojaĝo en Faremido, mezurita per tera tempo, entute daŭris preskaŭ unu kaj duonon da jaro: mi descendis en Helsinki la 18-an de januaro de 1916 kaj post du semajnoj, la 2-an de februaro mi alvenis en Redriff, kie mi trovis miajn edzinon kaj infanojn en bona sano. *(Fino.)*

El la hungara: *L. Totsche*

---

Fininte la romaneton de Karinthy, ni komencos en la januara numero romanon japanan (Ocuja Koroŝi: Printempo furiozas) en la traduko de *Joŝiŝi Ŝimomura.*

# Intelekteco kaj spiriteco

— Miguel de Unamuno —

(*Fino.*)

Li memoris Sanktan Paŭlon kaj tiun lian klasifikon de la homoj en karnajn, intelektajn kaj spiritajn, ĉar tiel al li plaĉis ĝin traduki, aŭ, por pli bone diri, tiel li ĝin interpretis. Ĉar li trapasis epokon, kiam la ekzegezon li ŝatis. Ne ian sciencan ekzegezon; ne la esploradon kaj reserĉadon de tio, kion deziris diri, kiuj skribis la sanktajn librojn. Ne la penson por logike ilin interkonformigi, nek ties esploron per studo de la ideoj kaj de la sentoj de l' epoko, en kiu ili vivis, kiuj estis iliaj veraj sentoj kaj pensoj; sed la uzadon de tiuj ĉi tekstoj, pruvitaj per centjara sperto, kaj en kiuj kristaliĝis tiel granda amaso de tradicio, kiel tereno, sur kiu eblas apogi piedon por sin ĵeti de ili al liberaj spekulativoj. Je la momento kiam Paŭlo de Tarso donis al la mondo siajn epistolojn, ili estis jam ne la liaj, sed apartenis al ĉiuj, al la komuna havo, al la homara propraĵo, kaj li, nia homo, povis ilin kompreni kaj senti tre malsame ol ilin komprenis kaj sentis mem la apostolo de la idolanoj.

Kion al li mem faris liaj legantoj kaj komentaristoj, tion ja ankaŭ li rajtis fari al la apostolo, kvankam certe li ĝin faris konscie kaj konscience. La tekstoj estis nur apogilo necesa por ke lia menso alteriĝu, piedprenu terenon; sentigu al li deirsugeston.

Kaj ĝuste ĉe Paŭlo de Tarso, en lia epistolo al la romanoj kaj en la unua al la korintanoj, li trovis tiajn tri klasojn de homoj: la karnaj aŭ »sarĥinoi«, la animalaj aŭ »psyĥiĥoi« kaj la spiritaj aŭ »pneŭmatiĥoi«. En la verseto 14. de la ĉapitro VII. al la romanoj li multfoje legis »ni scias ke la leĝo estas spirita (pneumatika) sed mi estas karna (sarcina)« kaj en la 44. de la XV. el la unua epistolo al la korintanoj: »se ekzistas laŭanima (psika) korpo, ekzistas ankaŭ laŭspirita (pneumatika) korpo« kaj li ne ignoris ke, por la apostolo, la psiko (psyĥe) estis io malsupera, preskaŭ simila al tio, kio poste devus esti nomita »vivforto«, male, la supera parto de la animo, la spirito, la *hegemonianto* de la stoikuloj, io, kio postvivas la korpon. Sed al li plaĉis alia klasigo, kaj li ĉiam vidis la psikon kiel intelektan povon ligitan al la necesoj de la estanta surtera vivo, la sklavon de la logiko, edukitan kaj lertigitan por la vivluktoj, la kutiman vulgaran, ordinaran konon, necesan por vivpovi, konon, de kiu devenas la scienco. Kaj neniam li povis juĝi psikaj aliajn homojn ol la intelektulojn, la homojn de komuna saĝo kaj logiko, kiuj katenas siajn ideojn per la asocioj sugestitaj al ili de la ekstera kaj videbla mondo; la prudentajn homojn, kiuj lernas siajn metiojn kaj ilin plenumas, kiuj, se ili estas medicinistoj, penas kuraci; se inĝenieroj, vejni ĉefvojojn; se ĥemiistoj, prepari drogojn aŭ analizi ĥemiaĵojn; se arĥitektoj, konstrui domojn. Tiuj ĉi psikaj homoj estas la mezgravuloj, tiuj kiuj ŝipiras en la centra fluo; tiuj, pri kiuj oni diras, ke ili posedas rektan juĝon kaj klaran kriterion; tiuj, kiuj ne kredas artifikaĵojn ne sankciitajn de tradicio kaj kutimo, kiuj ne glutas novajn sensencaĵojn, ĉar ili havas la menson plenigita de la malnovaj sensencaĵoj, kiuj ĝin satigas. Li ĉiam distingis ĉi tiujn kaj la karnajn« aŭ »sarcinajn«. Karnaj estis, laŭ lia sento, la brutuloj, la kompletaj senkulturuloj, tiuj, kiuj sin okupas preskaŭ nur per manĝo, trinko kaj dormo, kiuj staras tute en besta vivformo. Ne tiel estas la psika; la psika eĉ interesiĝas pri sciencaĵoj kaj kulturaĵoj; la hispana psikulo alvokas la regeneracion de la patrujo, admiras telefonon kaj fonografon kaj kinematografon; de li estas legataj *Flammarion, Haeckel, Ribot;* li posedas volumojn de la biblioteko Alcan, kaj, kiam lokomotivo lin preterparas, li stariĝas, ekstaze rigardante ĝian majestan iradon. Se la psikulo estas ortodoksa katoliko, li admiras la genion de Sankta Tomaso, kvankam nenion el liaj verkoj li legis, kaj li scias kiamaniere konformiĝas la moderna geologio kaj la malnova mosea rakonto pri la kreo, tial estas permesite parte rekoni la darvinismon, ĉar la Eklezio havas rimedojn kontraŭ ĉiuj malbonaĵoj, kiuj plendigas nian jarcenton. La psikulo estas intelektulo, kun eta aŭ granda intelekto, sed ĉiam intelektulo.

Kaj laste venas la »spiritaj«, la revemuloj, kiujn tiuj nomas, malestime, mistikuloj; kiuj ne toleras la tiranecon de la scienco, nek de la logiko mem, kiuj kredas, ke ekzistas alia mondo, interne de la nia, kaj misteraj dormantaj potencoj en la sino de nia spirito, kiuj pripensas per la koro, kaj eĉ multaj, kiuj ne pripensas. Spiritaj kaj ne intelektaj estis la plimulto de la grandaj poetoj. Pri unu el ili, la mildega Wordsworth, oni diris, ke li estis geniulo sen talento, nome granda spirito sen sufiĉa inteligento. Kiom da fojoj li legis la finon de la II. ĉapitro kaj la komencon de la III. de la unua epistolo al la korintanoj. »Ĉar kiu inter homoj konas la aferojn de iu homo, krom la spirito de la homo, kiu estas en li? sammaniere la aferojn de Dio neniu konas krom la Spirito de Dio. Sed ni ricevis, ne la spiriton de la mondo, sed la spiriton, kiu estas el Dio; por ke ni konu la objektojn al ni donacitajn de Dio. Pri kiuj ankaŭ ni parolas, ne per paroloj, kiujn homa saĝeco instruas, sed kiujn instruas la Spirito; komparante spiritajn kun spiritaj. Sed la natura (animala, psika) — aŭ, kiel nia homo tradukis, intelekta — homo ne akceptas la aferojn de la Spirito de Dio; ĉar ili estas malsaĝeco ĉe li; kaj li ne povas koni ilin, pro tio, ke ili estas juĝataj spirite. Sed la spirita homo juĝas ĉion, kaj li mem estas juĝata de neniu. Ĉar kiu ekkonis la menson de la Sinjoro, por ke li instruu Lin? Sed ni havas la menson de Kristo. Kaj mi, fratoj, ne povis paroli al vi kiel al spirituloj, sed kiel al karnuloj, kiel al infanetoj en Kristo. Mi nutris vin per lakto, ne per manĝaĵoj; ĉar vi ankoraŭ tion ne kapablis; kaj eĉ nun vi ne kapablas; ĉar vi estas ankoraŭ karnaj;...«

Denove li prenis la epistolojn de Paŭlo de Tarso, kaj relegis la tiom multfoje legitajn versetojn. »Neniu scios la aferojn de Dio krom la Spirito de Dio«. Kaj diris al si: Neutile estas voli koni la aferojn de Dio per didaktaj rezonadoj, per teologio, per logiko; teologio enhavas ĉiam internan malecon, ĉar en ĝi batalas la *teo* kaj la *logio;* rezonadoj ne taŭgas por atingi Dion. Kaj li rememoris Kant-on kaj lian frakason al la hipotezaj pruvoj logikaj pri la ekzisto de Dio, kaj, kiamaniere falis en lia spirito ĉiu trabaĵo de metalogika kredo, spirita kaj ne intelekta, pneumatika kaj ne psika. La entologia pruvo, la kosmologia, la metafizika, la etika, ĉiuj ruiniĝis samtempe en lia menso, kaj kun ili tiu Dio de la racio. La teologia raciismo bruege, kvankam sen ke la bruo aŭdiĝis ekstere, disfalis en lia spirito, ekstermante multajn burĝonojn de la animo dum sia pereo kaj priŝutante la plankon per senutilaj ruinaĵoj. Koraj skuoj, tertremoj de la spirito elirigis la detruaĵojn el li, kaj alimaniere, per maniero nekonata de la intelektuloj, aperigis en li fidon, kiu venis de la



Pablo Picasso *Suĉiganta virino*

Dia Spirito. »Ĉar neniu konas la aferojn de Dio krom la Spirito de Dio.«

»Pri kiuj ankaŭ ni parolas, ne per paroloj, kiujn homa saĝeco instruas, sed kiujn instruas la Spirito; komparante spiritajn kun spiritaj,« Mistikulo. Ŝajnis al li ke li aŭdis tiun ĉi vorton malestime kraĉitan, kvazaŭ insulton aŭ riproĉon, kaj tiel proksime kaj klare, ke li eĉ flankenturnis la kapon. Kaj ja estis tie, apud li, kvankam ne videble, nek palpeble, sed en spirita ĉeesto, tie estis tiu prototipo de la intelektulo,: tie estis la »psika«, la pli karakteriza tipo de l' animalo. Tie li estis papagante siajn fiziologiojn, dum en sia interno li turniĝis kontraŭ sia poezia kaj kreanta senpoveco, kontraŭ sia nekonfesita senspiriteco. Li ŝultrolevis, ridetis kaj sin turnis por rigardi la ĉielon, kiu mallumiĝis. La nuboj de la sunsubiro ŝajnis cindramasoj restintaj de la suna brulego. Li movis la ĵakon de la elektrolampoj, kaj la metalfadeno de la ampoloj ekardis; fariĝis lumo, lumo de homa industrio, lumo de aplikscienco.

»Sed la natura homo ne akceptas la aferojn de la Spirito de Dio; ĉar ili estas por li malsaĝeco; kaj li ne povas koni ilin, pro tio, ke ili estas juĝataj spirite«. Malsaĝeco, malsaĝeco, malsaĝeco . . . — li al si rediris, dum li promenigis la rigardon sur tiuj familiaraj objektoj, al kiuj la elektrolumo aperigis akrajn ombrojn. Malsaĝeco, Sed kio estas malsaĝeco? Tie estas la menskuracistoj, frenezulistoj, psikiatroj, kaj kiu scias kiom da alnomoj plu . . . Kio estas saĝeco? Eble per ĉi tiu demando oni devas komenci.

Sano estas tiu stato, en kiu la homo sin vidas libera de ĉiu malbonfarto; sed, kio estas malsano? Sano estas, aliaj diras, »la stato en kiu organa estaĵo normale plenumas ĉiujn siajn funkciojn«. Normale . . . . normale . . . . kaj kio estas la normalo? Li prenis libron, kiun li estis leginta dum tiuj tagoj; libron, en kiu amason da sciindaĵoj, pri la plej misteraj profundaĵoj de la vivo de l' spirito, arigis certa nobela spirito, kiu estis la vera animo de la »Society for Psychical Research«. Li legis.

»En la vulgara lingvo oni uzas la vorton *normala* por esprimi, preskaŭ indiferente, du ideojn tre malsamajn; konformecon al iu modelo kaj mezan pozicion inter du ekstremoj. Ofte la mezo kaj la modelo koincidas, ekzemple: kiam oni diras, ke gaso estas normaldensa, — nome, ke ĝi egalas praktike la modelon — kiel orunco havas normalan pezon. Sed kiam ni pritraktas vivantajn organismojn, aperas nova faktoro. Vivo estas ŝanĝo; ĉiu vivanta organismo ŝanĝiĝas; ĉiu generacio diferenciĝas de la antaŭa. Asigni fiksan normon al speco, kiu ŝanĝiĝas, estas kvazaŭ pafi kontraŭ flugantan birdon. La reala mezo dum determinita momento ne estas ideala modelo; male la plej progresinta stato de la evolucio, kiun oni atingis, penas esti la mezo de la estonta tempo.«

Li fermis la libron kaj denove al si diris: Normaleco . . . frenezo . . . saĝeco . . . malsano . . . bonfarto . . . bonfarto . . . Hodiaŭa frenezo estas morgaŭa saĝeco; same, kiel morgaŭ ŝajnos freneza, kiu hodiaŭ estas saĝa. La intelektuloj nomas frenezo, kion ili ne povas kompreni, ĉar estas necese ĝin juĝi laŭ la spirito. Kaj la intelektulo estas, essence, normala homo, meza homo, kiu staras samdistance de la karnaj, kiel de la spiritaj. La intelektulo estas la mezhomo, je egala distanco de la grandega amaso de karneco kaj de la malsufiĉega peco de konscia spiriteco, ĉar la alia spiriteco, la senkonscia kaj potenciala spiriteco, dormetas en ili ambaŭ, eĉ, eble pli efikas en la karnaj ol en la intelektaj. Ĉar akcepti la spiriton estas pli facile al la karno, ol al la intelekto; inter ambaŭ intermetiĝas la skollogiko. La intelektulo estas homo de la meza saĝo, kiun li nomas komuna saĝo; homo, kiu staras samdistance de la universala kosma aŭ instinkta saĝo, en kiu loĝas la karnuloj, kiel de la propreca saĝo, en kiu vivigas sian spiriton la spirituloj.

»Sed la spirita homo juĝas ĉion, kaj li mem estas juĝata de neniu«. Kiarajte aljuĝas spiritaĵojn tiuj, kies spiritoj estas tegitaj per la intelekto?

»Ĉar, kiu ekkonis la menson de la Eternulo, por ke li instruu Lin? Sed ni havas la menson de Kristo.« Kiam li trafis ĉi tiun verseton pri Kristo, nia viro haltigis sian menson. Antaŭ li prezentiĝis tio, kion oni nomas »la religia problemo«, kaj ĝi al li prezentiĝis tia, kia li ĝin vidis de antaŭlonge. En ĉi tiu problemo, en la religia problemo, li vidis la ĉefan provŝtonon por distingi intelektulojn de spirituloj.

Antaŭ li aperis la intelektaj homoj, dividitaj pri la religia afero en du grandajn grupojn; kiujn oni kutimas nomi grupo de kreduloj kaj grupo de senkreduloj. Konkretigante la terminojn kaj rilate sian propran patrujon, li troviĝis antaŭ katolikaj intelektuloj kaj intelektuloj nekatolikaj, kiuj fakte fariĝis kontraŭkatolikaj. Ĉi tiuj du grupoj luktis unu kontraŭ la alia, sed, kiel por lukti estas necese piedpreni sur sama tereno, ili luktis en sama ebeno. Batalo inter fiŝo, kiu ne eliras el la marprofundo, kaj birdo, kiu ne subiras de la ĉielaltaĵo, ne estas ebla. Tiu ĉi du grupoj luktas, unu fronte al la alia, alrigardante kontraŭajn flankojn, sed sin apogante sur la sama tereno, sur la sama ebeno de l' intelekteco. Kaj ve al tiu, kiu direktas al ili sian voĉon de supre aŭ de malsupre, de ekster ilia ebeno, de la tereno de la spiriteco aŭ de la tereno de la karneco! Kuniĝos unuj kaj aliaj por lin nomi frenezulo aŭ brutulo.

Luktis ĉi tiuj du grupoj. Laŭ unuj la religio estas nepre necesa por bazi la moralon. Sen timo al la infero, al la morto kaj al la diablo sociordo ne povas ekzisti. Religio havas eksterajn pruvojn pri mirakloj, kaj, antaŭ ĉio, kaj super ĉio, multcentjaran tradicion apogitan sur aŭtoritato. Laŭ la aliaj, mankas pruvoj pri la vereco de la religio: sen infero, sen timo al morto, sen demono, oni povas fundamenti sociordon, kaj tiu tradicio nek estas konstanta, nek posedas konvinkan logikan valoron. Unuj kaj aliaj pritraktas la aferon de la sama vidpunkto. La unuaj rigardas la religion kvazaŭ sociala instituto en la servo de la ordo, kaj la duaj kvazaŭ sociala instituto en la servo de la despotis-

# MIA ANGULO

## — JULIO BAGHY —

La jaro baldaŭ dronos en la maro de la Tempo . . . Rememoroj viciĝas antaŭ mi: mortintaj esperoj, perditaj celdifinoj . . . Tamen mi ne bedaŭras la batalon, ĉar ĝi estis nur ŝajne vana. Konscience mi revizias mian agadon: mi honeste plenumis mian devon, mi estis ŝtupo, ne plu bezonata kaj . . . neniam mi aspiris esti io pli.

La rememoroj fantomas, rikanas, mokridas . . . Rifuĝe mi suprenkuras al la supro de altaĵo, kiun mil epizodoj levis el mil seniluziiĝoj en mi . . . Dolore estas vidi tiun longan vicon de fantomoj! . . . En la fora malproksimo mi ekvidas la unuan ruinon: tragedieton de dektrijara knabo, kiu krom malriĉeco havis nur fantaziriĉan sentemecon kaj justosopiran pasion en sia vivtornistro.

Priskribi la kaŭzon de tiu unua krizo estus interese, ĉar ĝi aktualiĝis per presaĵo, ricevita antaŭ nelonge kaj kuŝanta nun sur mia tablo, sed . . . sed sufiĉe, se mi parolos nur pri la efiko, kiun simpla frazo, skribita sur tabulon por gramatika analizo, faris en mi. Nenio grava okazis: skandaleto pedagogia por tritaga paroltemo en provinca urbo kaj translokigo de instruisto. Nenio pli aŭ malpli okazis, tamen mi sentis, ke instruisto, semanta per unu mano, elŝiras per la alia sian propran semaĵon . . . Pro tio mi perdis la iratan vojon, duboj ekmordis mian religiemon, Dio ŝajnis al mi vorto rentumanta por elektitoj, la piemo de miaj gepatroj subite incitis min kaj mi komencis akre observi la vivmanieron de pastroj kaj religiemuloj. Iamaniere — nun ŝajnas al mi — pelate de interna instigo mi devis ekiri sur la vojon de seniluziiĝoj. Ne miru! Mi estis nur dektrijara, tro juna, tro temperamenta por kompreni la diferencon inter ŝajno kaj vero.

Nur unu idealo restis en mia koro: *Kristo*, la martiro mortinta por siaj gefratoj, krucumita de la tremanta potenco. Lia giganteco spirita katenis al si mian infanan fantazion . . . kaj la sentema knabo ekiris por serĉi novan vojon anstataŭ la perdita, por trovi fonton kvietigi sian soifon, por kolekti pompajn florojn de la homa animo kaj por nutri sian vivovolon. La dektrijara knabo dolore ekkriis en la subita mallumo: Kial estas entute la Vivo?

Komenciĝis longa migrado, cent erarpaŝoj, pilgrimo de unu respondo al la alia, mil sinkulpigoj kaj ĉiama sinpelado antaŭen, nur antaŭen . . . Pelate de la interna frostotremo mi devis marŝi plu al la varmo de la homaj koroj kaj mi vidis miraklojn: milfoje mi renkontis la postsignojn de Kristo. Mi admiris lian plantaĵon ne sole en la kristanaj domoj, sed ankaŭ en la kabanoj kaj tendoj de kirgizoj, tataroj, anamitoj, sovaĝaj siberiaj tunguzoj. Liaj postsignoj kondukis min al la kompreno de Lia giganta spirito kaj formiĝis en mi la figuro de la alvenonta homa Homo.

Kaj mi, la erarema, vojserĉanta hometo, metis sur la altaron tiun Homon, kies perfektecon mi celis atingi — tute vane . . . kaj tiu Homo, kies karaktero kunmetiĝas el la plej noblaj ecoj kaj inklinoj, jam troveblaj sur la Tero, sugestis al mi la penson: la savo, la morala altiĝo povas okazi nur per la Homo . . . kaj tiu Homo kondukis min al la vojo de tiu Dio, pri kiu multaj religiemuloj scias nur pere de libroj kaj multaj pastroj predikas nur laŭ onidiro . . . kaj tiu Homo donis al mi kontentigan respondon pri la celo de la Vivo: profunde konatiĝi kun la leĝaro de la harmonio por konscie kunlabori kun la Kreanta Vivo. Jen tiamaniere la Homo fariĝis por mi tiu fonto de Espero, kiu kvietigas mian soifon, nutras mian vivovolon kaj gvidis min sur mia tre dornoplena vojo.

Mia Idealhomo estas perfekta nova tipo kun nova etiko. Por kaj pro li estas graveda la utero de la ĥaoso. Eble jarcentoj pasos ĝis la naskohoro, sed mia idealo per sia moralleĝaro frakasos tiujn katenojn, kiuj nun ĉenas la homaron al la nura terbulo, al la pasema minuto, al la putra kulturo . . . Mia idealo estas perfekta, sed mi tro malperfekta por prezenti aŭ ĉiam sekvi lin. Li instruis min, ke ĝeneraligo entenas maljustecon, mi lernis de li respekti sentojn kaj opiniojn, pardoni erarojn kaj kuraĝe konfesi proprajn kulpojn, subpremi en mi venĝemon kaj senplende flankenstari tie, kie mi sentas min ne plu bezonata, nur unu mi ne povis lerni, nur unu li ne kapablis instrui al mi: *forgesi.*

Jen mia granda malvirto, eterna torturilo, pikpela malamiko, kiun mi vane penadis venki dum mia vivo. La *neforgesemo* kondukas min al naivaj sentimentoj, ĵetas min inter la ungojn de kolero, provokas tian internan batalon, en kiu viktimiĝas nur mi mem. Ĝi vipas je maldormo sentojn, kiuj ne indas al mia idealhomo kaj samtempe ĝi malfortigas la manon, pugniĝintan al decida bato. Mi povas forgesi nek ricevitan Bonon, nek korvundigan Mallojalecon; nek fratan geston, nek insidan pikon. Mi povas esti dankema, kompreni, pardoni, fanatike ami, subpremi venĝan penson, fariĝi indiferenta, sed forgesi mi ne povas. Granda malvirto!

Pri tio kulpas mia pasia karaktero. Jes, tiu pasio, kiu igis min serĉi vojon en mia dektria jaro, donis sonĝojn al mi, devigis min fariĝi batalanto de ideo, senpripense disipi jarojn, oferi eĉ karieron por miaj idealoj. Tiu ofte riproĉata pasio sugestis al mi pensojn, ĉe kies ardado mi varmigis mian vivovolon, mian laboremon en la frosto de la socio. Tiu pasio vekis en mi melodiojn, teksis fabelojn, kies sonoj trovis eĥon en la koro de multaj miloj kaj nun . . . nun la sama pasio igas min forlasi tiun revuon, ĉe kies fundamenta konstruado mi aktive partoprenis kaj altruiste laboris dum longaj jaroj . . . Sed kial? Ĉar mi ne povas forgesi.

Malutili al la gazeto mi ne deziras kaj pro tio mi deklaras, ke ne pro principaj diferencoj lingvaj mi adiaŭas de miaj budapeŝtaj kolegoj. Tiaj aŭ similaj diferencoj ĉiam ekzistis inter la ĉefredaktoroj. Jen unu, jen la alia cedis iom. Tiamaniere konstruiĝis prospere la lingva evoluo de L. M.

La kaŭzo de mia foriro estas subjektiva, privata kaj ne lingva. La legantaro povas havi la saman fidon, kiun nun ĝi havas koncerne ĝian fundamentecon. . . . Por ne veki maljustajn pensojn pri miaj kolegoj mi deklaras, ke mi respektos ilin same en la estonteco, kiel nun . . . La kaŭzo . . . ? Jes! Mi ne rimarkis tion, kion letero de unu el miaj plej ŝatataj koleginoj klare montris al mi. Mi citas: » . . . nia literaturo bezonas praktikajn homojn.« Mi komprenas. Ne *ankaŭ* praktikajn, sed — *praktikajn!* Pardonu, ĝis nun mi opiniis, ke la literaturo bezonas verkistojn, sonĝvidajn poetojn, kompreneman legantaron. Mi rekonas mian eraron kaj nesentante min praktika homo mi foriras. Pardonu, karaj kolegoj, se miaj malpraktikemo kaj pasia temperamento kaŭzis malprofiton al la praktika homo, por kiu vi laboras. Mi pensis ĝis nun, ke pro inspiriteco, pro pasia amo al la afero vi verkas por la literaturo, por la evoluo de nia lingvo. Mi ne sciis ĝis nun, ke la talento de Tolstoj, Balzac, ktp. estas malpli bezonata por la literaturo ol la libroagentoj. Ne miskomprenu min kaj ne pensu min tiel aroganta,

---

mo. Unuj serĉas eksterajn logikpruvojn, kaj la aliaj repuŝas tiujn ĉi pruvojn. Advokatoj kaj nur advokatoj, tiuj ĉi kaj tiuj! Laŭ unuj kaj aliaj temas pri sociala institucio; pri io, kio sin apogas sur aŭtoritatoj kaj sur eksteraj evidentecoj aŭ neevidentecoj, pri io logika aŭ nelogika. Tion ili nomas lukto inter racio kaj fido, kvankam tia fido estas nur kredo. Sed li, nia viro, ne povis tiel senti, kaj apenaŭ interesiĝis pri la argumentoj de ambaŭ grupoj. Disputoj de intelektuloj.

Kaj rilate tiujn, kiujn oni nomas »spiritemaj viroj« — tia estas la tradicia kaj pura termino — la intelektuloj de la kredo . . .

Oni vokis nian homon por noktmanĝi, kaj li iris por zorgi la korpon donante al ĝi unue nutron kaj poste dormon.

(1904)

El la hispana: *Domingo Diaz-Ambrona*

# BALADO

— Aleksander Cilјér —

Aŭton' makulas la Edenon
Per flave farbumita man',
Kaj foliumas la ĝardenon
Frivola fil' de uragan'.
Folioj flugas, flirtas, falas
En flua kanaria vals' . . .
Folioj falas, falas, falas
En flam' de fatalema vals...

Tilia parko. Laŭb' ĉe l' vojo.
Kaj en la laŭbo — mandolin'.
Gi trilas trilas pri levkojo
Kaj fabelema ĉarmulin'.
Folioj flugas, flirtas, falas
En flua kanaria vals...
Folioj falas, falas, falas
En flam de fatalema vals ...

Matena fru' kaj malsereno.
Matena fru' kaj la uzin'.
Kaj baritonas fajfsireno,
Vokante al laboro nin.
Folioj flugas, flirtas, falas
En flua kanaria vals' . . .
Folioj falas, falas, falas
En flam' de fatalema vals'...

Lerneja bru'. Ĝojrid' infana.
Afablaj saltoj de futbal',
Feliĉa aĝ'! La diafana,
La plej mirinda montkristal'!
Folioj flugas, flirtas, falas
En flua kanaria vals'...
Folioj falas, falas, falas
En flam de fatalema vals ...

Mi iras hejmen. Pulsas koro.
Smerald' kaj or' sur avenu'.
Mi aŭdas violonan ploron
Pri la aŭtuna dolĉ-enu'...
Folioj flugas, flirtas, falas
En flua kanaria vals'...
Folioj falas, falas, falas
En flam' de fatalema vals'...

---

ke mi komparas min al tiuj spiritogigantoj! Tute ne! Tamen fakte tio okazis, ke vi efektive taksis pli altvalora la humiliĝon antaŭ simpla administranto de la revuo ol la kolegan solidarecon kaj amikecon al via malnova kunbatalanto. Per tio nia vojo disduiĝis.

Dankante pro via iama solidareco mi almenaŭ penos imiti vian forgesemon pri ĉio, kio iam sugestis al mi la pensojn: ni, esperantistaj verkistoj, sur diversaj vojoj proksimiĝas al unu celo »fari la lingvon plaĉa kaj enhavriĉa por la homa animo«; la komuna laboro devas krei inter ni solidarecon kaj komprenemon, reciprokan respekton; solidarecon, se ekstere starantoj danĝerigas la laboremon de iu el ni kaj reciprokan respekton al niaj diversaj vojoj kaj manieroj, principoj kaj kredoj. Pardonu al mi tiujn pensojn! Gia fonto estas tiu pasio, kiu ligis min al sindona kunlaboro dum longaj jaroj ĉe Literatura Mondo kaj kiu neniam permesis *nur* subjektive kritiki la verkojn de miaj kolegoj. Kaj dum tiu tempo ne estis publika kverelo kaj batalo inter la samcelaj homoj. Estis kaj eĉ estas dolore, ke ĉe L. M. venkis la principo de la praktika homo: »veku antagonismojn inter la kolegoj por havigi pli interesan enhavon al la revuo« (cititaj vortoj!) kaj tiu principo elektis min eksperimenta objekto.

Mi ne emas batali kontraŭ kamaradoj de la sama tranĉeo kaj tion tre bone sciis vi, sed kion vi ne sciis estas, ke mi ne povas forgesi. Konstante mi devas rememori, ke ĝuste tiam, kiam mi laboris fortostreĉe, ofte estante eĉ malsana, por la komuna intereso kaj ĝuste tiuj, kiujn mi frate amis, permesis, eĉ aprobis, ke mi kaj mia tuta 22-jara laboro estu maljuste kritikataj, primokataj kaj persekutataj de personoj, el kiuj unu havas praktikan talenton kaj la alia estas tro juna por ĝuste prijuĝi la internan mondon de homo, kiu tra suferoj, longjaraj bataloj, milfoja sinvenko atingis grundon de kredo, akirita ne nur por si, sed por ĉiu homo, kiu vidas la detruon de la hodiaŭa bagatelismo kaj por ĉiu, kiu malespere kroĉiĝas al la revo pri pli bela, pli homa estonteco.

Kiel ajn sensignifa estus mia dudekdujara aktiveco sur la diversaj kampoj de nia movado, tamen tio ne meritis tian pritraktadon, nek tian insidan pikon... Sed mi ne miras. Tute ne! Mi eĉ ne kulpigas vin, karaj kolegoj, nek vin s-ro Totsche. Ĉio okazis laŭ la moda eŭropa moralo. Mi nun estas kontenta, ke mi apartenas al tre bona societo: al la vasta rondo de seniluziigitaj malnovaj batalantoj. Mi tre bedaŭrus, se iam mi renkontus vin en tiu rondo... Sed ne estus mirinde. Do, adiaŭ!

Kaj nun, kara Legantaro, via samideana servanto respektplene kaj kortuŝite turnas sin al vi. Mi kore dankas vin pro tiu komprenemo kaj tiu atento, kiuj ofte igis multajn el vi perletere viziti min. Mi havas ankoraŭ mian plumon, mian pasian koron, la saman ardan amon al nia afero, kiel ĝis nun. Nenio grava okazis. De nun mi iros sola. Kiu deziros renkonti min, tiu povos. Kiu opinias, ke mi estus devinta surventriĝi antaŭ la mallojaleco de la Praktiko kaj humiliĝi kaj amike grimaci en rondo, kies atmosfero fariĝis naŭza por mi, tiu ne renkontos min plu. Ĉiukaze mi deziras, ke vi havu enhavoriĉan kaj bonan literaturon!

La jaro baldaŭ dronos en la maro de la Tempo... Mi forpelas la altrudiĝantajn rememorojn, sed vane... Antaŭ mi kuŝas presaĵo en Esperanto... Kiel bone, ke Zamenhof ne vivas! Nun ankaŭ li povus konstati, ke... Mi devas ridi!... Post tridek jaroj oni statistike volas pruvi al mi tion, kion iam instruisto pli koncize surtabuligis. Nek tiam, nek nun mi povas akcepti la ĝeneraligon... Iam mi metis la homan Homon sur mian altaron kaj dum la vojserĉado estis Esperanto mia vojkamarado. Pro unu persono mi — ne ĝeneraligas kaj pro personaj aferoj mi ne kulpigas Esperanton. Mi ne plu estas dektrijara, kiu ne povis kompreni la diferencon inter ŝajno kaj vero... Adiaŭ, karaj budapeŝtaj kolegoj kaj ĝis revido sur mia soleca vojo, kara Legantaro!

*Julio Baghy*

Ni ne povas nin deteni de tio, ke ankaŭ ni diru kelkajn vortojn de respondo kaj adiaŭo. Tion ni faras vere dolore, ĉar la kunlaboron de Baghy ni ŝatis kaj altetaksis. Ni vere neniam donis okazon por tio, ke li sentu sin ĉe ni »ne plu bezonata«. Eĉ, ni klare eldiris la kontraŭon en la januara numero: ni esprimis nian esperon, ke li eble sin liberigos de la motivoj igantaj lin eksiĝi. Ni emfazis: »nia revuo ĉiam ĝoje akceptos denove lian nomon sur la kaploko de la revuo«. Liajn verkaĵojn ni ĉiam publikigis ankaŭ post lia abdiko, eĉ se ili entenis atakojn. Jen klaraj refutoj de la akuzo, kiun al li diktis lia trosentemo. Kaj propre ĉio, kio lin ofendis, okazis ekster la kadroj de la revuo. Ne pro L. M. li havis malkonsentojn kun la administranto, ne en L. M. aperis tiu kritiko, kiun li sentis »insida piko«. Do, laŭ nia opinio, ne estus estinta tiel malfacile al li, apartigi siajn personajn aferojn kaj la kunlaboron en nia sola literatura revuo. Ĝuste ĉar L. M. estas la sola literatura revuo de E., apenaŭ estas eviteble, ke en ĝi kunlaboru homoj havantaj diversajn vidpunktojn. Kaj al ni ŝajnas ne tro peka la opinio, ke antagonismoj inter kunlaborantoj ne malutilas, se ili vekas interesajn diskutojn.

Sed ĉio ĉi estas vana rezonado, dolore vana, ĉar Baghy »ne povas forgesi«. Ni do, vane provinte ĉion, rezignas. Kaj, bedaŭrinde ankaŭ nia legantaro devas rezigni, ĉar Baghy preferis la indignan flankenstariĝon, al la eblo, paroli al ili en ĉiu numero. Ni do diras sincere bedaŭrajn adiaŭvortojn al li kaj la deziron, ke li neniam



# OBSERVO

SELMA LAGERLÖF.

La 20-an de novembro 1858 naskiĝis knabineto en Marbacka. Ŝi estis la kvara infano en la familio Lagerlöf. Leŭtenanto Lagerlöf dancis pro la ĝojo. Sed kiam la eta Selma fariĝis 3 kaj 1/2-jara, venis tago, kiu mortigis ĉiun ĝojon: matene, kiam Selma vekiĝis kaj volis eliri el sia liteto, ŝi ne povis movi sin, ĉar ŝiaj piedoj estis paralizitaj. Ŝi neniam forgesis la ektimon en tiu momento. Post somera restado ĉe la maro ŝia stato pliboniĝis, sed ŝi konstante lamis ankaŭ poste. (Eĉ nun lametas la verkistino, kion ni vidis dum nia vizito en ŝia hejmo, Marbacka.*)

Selma estis nur 7-jara, kiam ŝi revis pri tio, ke ŝi fariĝos fama verkistino. Ŝi skribis versetojn kaj prozon, eĉ teatrajeton, kiun la infanaro ludis en la subtegmento de la familia domo. Foje la filino de l' historiverkisto Fryxell opiniis, ke unu poemo de Selma estas tre bona kaj sendis ĝin al iu gazeto. Nun pensis Selma, ke ŝia feliĉo rapide alproksimiĝas. Pasis printempo, somero. Aŭtune venis dika letero al Selma. Ŝiaj versoj revenis! Granda ĉagreno...

Nun ŝi decidis fariĝi instruistino. Kiel dudekdujarulino ŝi estis nomita instruistino. Sed ŝi devis atendi ankoraŭ dek jarojn ĝis la alveno de la literatura sukceso. Foje ŝi pensis, ke la multaj rakontoj, kiujn ŝi aŭdis pri originalaj personoj en la regiono de Vermland, kie estis ŝia hejmo, povus esti bona kaj interesa materialo por romano. Ĉe lunĉo dum la kristnaska ferio la patro rakontis pri pastro, junaĝa konato de leŭtenanto Lagerlöf. Post tiu ĉi rakonto ŝi klare vidis la heroon de sia legendo, kiu tute aŭtomate ricevis la nomon »Gösta Berling«. Jen naskiĝis la unua ĉapitro, jen post kelkaj jaroj la dua. Ili formis kvazaŭ novelon kaj ŝi sendis ĝin al gazeto, sed ĝi revenis kiel maltaŭga. Ho, kiom ŝi penadis pri sia libro. Sed ĉe sia 30-a jaro ŝi tamen sciis, kiel ĝi aspektos: ĉiu ĉapitro aparte tuto kaj ĉiuj kune estos romano. Sed ŝia libertempo ne sufiĉis, ŝi ja estis instruistino en Landskrona. Ŝi vojaĝis al Marbacka por vidi ĝin ankoraŭfoje antaŭ ol oni vendis ĝin. Dum la lasta dolora vespero en Marbacka ŝi meditadis kaj decidis verki la libron laŭ tute propra maniero; estas indiferente, ĉu la homoj ridos pri ĝi. Sed ŝi volis en la libro kapti la saveblajn partojn de la bela hejmo la karajn, malnovajn rakontojn. Nun la paĝoj skribiĝis rapide. Tamen, kiam ŝi verkis 1/2-jaron, ŝi komprenis, ke la libro bezonos 3—4 jarojn ĝis finpretiĝo. Tiutempe la sveda revuo »Idun« alvokis por novelkonkurso. Ŝi netskribis 5 ĉapitrojn, kiuj ŝajnis estis tuta novelo, kaj sendis al la revuo. Kaj jen... ŝi ricevis la unuan premion! Riĉa sinjorino en Stokholmo, Sophie Adlersparre, donis monhelpon al Selma Lagerlöf, por ke ŝi povu forlasi la lernejan instruadon kaj tute dediĉi sin al la verkado de sia libro. Kaj fine aperis la legendo de Gösta Berling. Sed oni tute ne akceptis ĝin en Svedlando laŭ ĝia valoro.

Postan jaron ĝi aperis en dana lingvo. La traduko havis brilan sukceson en Danlando. Ĝi rapide famiĝis kaj baldaŭ estis tradukita al 12 lingvoj. Nun ekzistas verkoj de Selma Lagerlöf en 35 lingvoj. Ŝi permesis la tradukon de siaj verkoj ankaŭ en Esperanton.

La ĉefheroo, Gösta Berling, estis populara pastro. Sed la malfeliĉulo ne povis kontraŭstari la alkoholon kaj pro tio li ofte mankis ĉe la dimanĉa diservo. Li komencis tre aventuran vivon. Kiel talenta poeto, li povis konsoli kaj amuzi la homojn per siaj kantoj. Lia mola koro ne povis rifuzi kisojn... Tamen funde de lia animo kuŝis ora kerno de bonvola helpemo.

Multaj konas nian amatan Svedlandon per »La mirinda vojaĝo de Nils Holgersson.« Ni havas ĝin kiel lernolibron en la svedaj lernejoj. Ankaŭ eksterlande oni ŝatas tiujn skizojn. La legantoj vidas la tutan Svedlandon, kiam ili en la fantazio akompanas Nilson sur la dorso de l' anaso, kiu flugas de la nordaj landpartoj ĝis la plej sudaj randoj.

Alia fama verko de ŝi estas »Jeruzalemo« priskribanta religian periodon en Dalekarlio (pitoreska sveda landparto, nomata ankaŭ »la koro de Svedlando«). Multaj dalekarliaj loĝantoj vendis siajn domojn kaj forlasis siajn parencojn por migri al la sankta tero laŭ interna instigo. Tre melankolia libro, sed ju pli ofte oni tralegas ĝin, despli oni komprenas kaj ŝatas tiun kristalstilan verkon. (Jeruzalemo, Gösta Berling, Charlotte Löwensköld, kiel ankaŭ aliaj verkoj de Lagerlöf, estas filmigitaj.) La manko de loko ne permesas doni pliajn detalojn el diversaj verkoj. Do mi nur mallonge mencias kelkajn: Kristlegendoj. Mirakloj de Antikristo. La mono de Sinjoro Arne (aperis ankaŭ en Esperanto), Legendo pri legendo, Sorĉfiguroj kaj homoj, La ringo de l' familio Löwensköld, k. a. La verko »Ekskomunikita« estas korŝira vekrio kontraŭ la amasbuĉado nomata milito. En 1909 Lagerlöf ricevis la literaturan Nobel-premion, kiu ĉi-okaze la unuan fojon estis donita al virino. El la Nobel-premio ŝi reaĉetis la malnovan familian bienon Marbacka. 5 jarojn poste ŝi fariĝis membro de la Sveda Akademio kaj estas ĝis hodiaŭ la sola virino inter la 18 svedaj senmortuloj. Ŝi estas ankaŭ honora Doktoro ĉe la malnova sveda universitato en Uppsala.

La blankhara, sed freŝanima Aŭtorino neniam ripozas. Fine de novembro dum tiu ĉi jaro ŝi iĝis 75-jara. Sed dum la antaŭa monato, oktobro, ŝi verkis pli grandan novelon: »La skribajo sur la terplanko«, kiun oni nun tradukas diverslingven. Kaj la tuta enspezo de la libro apartenas al la Geneva Komitato por Helpi la Intelektajn Rifuĝintojn (el Germanujo). Tiu ĉi jubilea gesto eĉ plinobligas la respektindan figuron de la »Doktorino«.

*Lizzie Morariu-Andersson.*

*) Elp. Morbaka.

ARNOŜT DVORAK MORTIS. La sciigo pri morto de Arnoŝt Dvorak ĉeĥa verkisto dramatika, la 22an de oktobro 1933, ne venis surprize. Medicinaj eldiroj ja ne lasis multan esperon, kvankam oni rakoniis, ke li diktas en sia lito dialogojn de komencata teatrajo. Lia saneco estis tro subpremeta de tio, ke li devis toleri tro frutempan malfavoran kritikon, kaj en la teatroj ĉiam pli grandan falon de siaj antaŭaj sukcesoj. Ankoraŭ lia teatrajo »Lvi ce« (Leonino) en la j. 1926 iomete sukcesis, sed »Kalich« (La pokalo), kiu en jaro 1928 venis anstataŭi lian faman teatrajon »Venceslao la Kvara« atingis nur malfortan akcepton kaj lia malfeliĉa teatrajo »Pidras la flamflaristo«, en kiun li antaŭ 2 jaroj enmetis sian ĝojon pro juĝa liberiĝo de suspekto pro subaĉetado, preskaŭ fiaskis pro la kaoso de okazintaĵoj. Tiaj malsukcesoj ja devis malfortigi tian sentoplenan, tian molan estajon kiel estis Dvorak.

La vojon en la literaturon kaj en la teatron li mal-

devu bedaŭri, ke li turnis la dorson al nia »naŭza« atmosfero. *(Red.)*

*

Kaj pardonu, ke al tiu ĉi artikolo aldonas ankaŭ la ĉiam ĝis nun silentema administranto kelkajn liniojn. Mi devas konstati, ke en la prezento de l' konflikto interni, la verkista fantazio de Baghy pli inklinis al dramaj efektoj, ol al historiaj faktoj. La konflikton solvis Baghy mem akceptinte la verdikton de l' hungara juĝistaro pri la liaflanka rompo de nia kontrakto. Mi diru ankoraŭ, ke mi kutime montras nian tutan korespondadon al komunaj amikoj, sen ia komentario. Tiujn leterojn mi bone konservos, por vidi kaj vidigi, kies sinteno estis ĝusta, ĉu tiu de l' mallojala praktikulo, aŭ tiu de l' lojala homa Homo

*(Bleier).*

Ferdinand Hodler  *La saĝuloj*

fermis al si per oratorema teatrajo »Princo« de historia mezepoko ĉeĥa, kiam regis ĉeĥaj princoj Premysl-idoj. Post du jaroj venis »Václav Čtvrty«, el vivo de ĉeĥa reĝo, lasta reĝo antaŭ religiaj bataloj de Husidoj en XVa jarcento, Venceslao la Kvara. La dramo signifis grandegan surprizon, ion tute modernan kaj originalan. Lia verko teatra »Husidoj«, ruĝe flamaj, venis en j. 1919. Antaŭ lia plua historia verko, kiu devis daŭrigi lian historian »eposon« ĉeĥan, antaŭ »Bílá Hora« (Blanka Monto = monteto apud Praha, sur kiu okazis en j. 1620 por Ĉeĥoj fatala batalo), Dvorák dume trakuris tro multajn turnojn kaj nedaŭrajn kreajn impulsojn, kiujn li enmetis en malgrandan »Mrtvá« (»La morta ino«), poste en »Balado pri virino murdita« en »Mateo la Honestulo«, june mokema, kaj en »Nova Oresteio« laŭ Aischylos. En tiu plej kreema lia periodo ĵus montriĝis, kiel Dvorák kreas laŭ momentaj subitaj impulsoj, el fulma tempa ekscito, en kiu la momento alportas al li brilan penson. Unuafoje tio estas filozofio de Nietzsche kaj la sopiro, ke la nacio prenu novajn, pli potencajn diojn, duafoje protesto kontraŭ trista husitismo (religia movado ĉeĥa de XVa jarcento), triafoje sovaĝa ondo de komunisma fanatikeco, kiu disvastigas flamajn inundojn, kvarafoje devizo de popolteatroj kun renoviĝo de antikva patosismo kaj monumentismo, kaj kio ankoraŭ plu! Lia terura »Bílá Hora« laŭ lia persona konfeso ne estus skribita, se li ne travivus sur tiom da batalkampoj, en tiom da malsanulejoj, tiom da teruraj militscenoj ,kaj post ili dolĉan kulturfeliĉon de paco. »La morta ino« kaj »Balado pri la virino murdita« kun siaj fantomoj, ne estus naskitaj, se Dvorák el rekta vido ne estus ekkoninta mordantajn kaŝturmentojn, per kiuj la animon murdas nesubpremebla scio de kruela kulpo. Lia dramo, kiu ajn, estis ĉiam iomete kiel eksplodo de amasiĝantaj eksplodmaterialoj, kaj nur lia instruita militdisciplino povis doni al la eksplodo pli trankvilan eksteran formon.

Du estaĵoj de Dvorák vivis en liaj dramoj. Kiu el ambaŭ estis pli vera, pli profunde enradikiĝinta? Ĉu la unua, kiu skribis »Václav Čtvrty« el amo al mola, kora humaneco, aŭ la dua, kiu furiozis per ventega revolucia fanatikeco kaj sovaĝeco de »Husité«? Tiu, kiu per laŭta voĉo predikis al la nacio novajn diojn de dura volo, aŭ tiu, kiu tra milita furiozeco kondukis humaniston Komensky kiel promeso de sava matenruĝo? Ne estas dube, ke ekzistis en Dvorák tre dramatike du elementoj, du elastaj impulsmaŝinoj, kiuj luktis inter si en malrapida mildigado ĝis la lasta ekspiro, pli abstinenca kaj pli pasiema, pli milda kaj pli malafabla, pli sankta kaj pli sensa, pli meditema kaj pli senbrida, kun pli granda kaj fortiĝanta influo de pli homa, pli trankvila flanko. Oni tion ankaŭ atribuas al liaj gepatroj, el kiuj laŭdire la patrino estis milda ĉeĥa virino de inteligentaj plaĉoj, sed nenion oni diras pri la patro. *Ant. Jandík*

(X.) WIELAND. La pikantan poeton de la platona amo, la klasikan Wielandon oni festis antaŭ ne longe en Germanujo, okaze de la ducenta datreveno de lia naskiĝo. Sed tiu ĉi festo, ni devas konstati, iamaniere ne havis tiom da pompo, per kiom oni kutimis festi poetojn sur la germana tero. Ja ne multe antaŭ longe oni portis sur ŝtiparon tiujn librojn en Germanujo, kiuj ne plu taŭgas por la morala vivpercepto de la Tria Imperio. Kaj pri Wieland en tiu ĉi rilato oni havas gravajn riproĉojn.

La morala mondpercepto de Wieland meritas tute apartan atenton, ĉar ja lia facila delikate pikanta, babila voĉo trapasas la plej grandan parton de liaj verkoj kaj oni povas atribui al tiu ĉi tono, ke la tiamaj junulinoj povis nur sekrete, sen la scio de la gepatroj foliumadi la historiojn de Wieland. Tamen estas mirinde, ke *la poeto, deklarita frivola kaj pikanta, kiom sencerte kaj kiom senfeliĉe ŝanceliras en sia privata vivo sur la vojoj de l' amo.* La unua amo estas la eta *Sophie*, la kuzino de l' poeto. Ili kune iras preĝejon kaj lernejon kaj kune kantas la kortuŝajn kaj piajn preĝejajn kantojn de la maljuna sinjoro pastro Wieland. Ili kantadas, ĝis la kanto fariĝas mantuŝo, la man-tuŝo brakumo kaj la brakumo kiso. La sinjoro pastro apenaŭ estus pensinta, ke liaj piaj kantoj estigos tian efikon . . . Sed tiu ĉi amo ne daŭros longe; la familio intermiksiĝas, ĉar ili ne volonte vidas la troan amikadon de l' proksimaj parencoj. — Platona estas do la unua amo, *kiel ankaŭ la plej multaj postaj virinaferoj.* Kvankam liaj verkoj tute ne montras tion, ŝajnas do ke li elvivas sin en siaj verkoj. En parto de siaj skribaĵoj, precipe junaĝe, li publikas ankoraŭ aliajn opiniojn: *Kies deziroj pluiras la mankison, tiu ne povas diri ke li vere amas,* — li skribas iuloke, kaj alia konfeso jene sonas: *Dum la lastaj jaroj mi amis almenaŭ dekduon da belegaj virinoj. Ĉiuj ili faris al mi grandajn dolorojn, ĉar mi pasie amis ilin. Diinoj ili estis, kiujn mi adoris kaj kontraŭ kiuj mi kreskigis la platonan amon tute ĝis la heroeco.* — Ne tro verŝajne, ke la »adoritaj diinoj« estus akceptintaj tiun ĉi malsanan pasion kun troa ĝojo. La belaj virinoj ne revis eĉ dum tiuj tempoj pri la platonaj amoj... Jene okazas do, ke iom post iom perdiĝas la amoj flanke de Wieland kaj tute alispecaj virinoj estas videblaj en lia societo. Post kelkaj jaroj la poeto mem skribas al iu amiko: *Tiuj kelkaj virinoj, kun kiuj mi havas ĉi tie kontakton, jam ĉiuj estas trans la 40-a jaro. Verŝajne ili neniam estis belaj, sed mi tre respektas ilin pro ilia estiminda virteco.* — La trans 40-jaraj virinoj eble kontentiĝis pri la platona adoro. Sed Wieland dume havas ankaŭ aliajn okazaĵojn. La servistino de la dommastrino — beleta, juna kampulino — koketas al la juna poeto, plaĉas al ŝi la bonforma, belaspekta junulo. Sed Wieland kontraŭstaras la tentojn. Kaj la knabino komencas lukti post kelkaj monatoj kun trudimagoj kaj oni devas ŝin meti en nervohospitalon. Kaj al Wieland, malgraŭ liaj 22 jaroj, ne malutilas la granda sindeteno . . . Poste venas laŭvice la ceteraj amoj. Ĉiuj el ili estas 10—20 jarojn pliaĝaj, ol la juna Wieland. Eĉ, troviĝas inter ili, kiu estas ĝuste duoble tiom-aĝa, kiom li. Sed eĉ ĉi tio ne povas difekti la platonan amon. Dume kompreneble venas kelkfoje en lian

proksimon ankaŭ junaj, vivovolaj knabinoj kaj virinoj, sed tiuj ĉi amikadoj ne povas havi bonan finon. Foje li renkontas en societo spritan, beletan knabinon, kelkfoje ili estas kune kaj la homoj jam kredas, ke ĉe Wieland rompiĝis la glacio. Sed la amikado subite ĉesas. La junulo skribas en la notlibron: *Julinjo verŝajne tute ne havas ideon pri la vera amo, ŝi volas amikon . . .* — Poste sekvas la dua »akcidento«. La bofratino de la urbestro de Biberach, eksedziniĝinta virino, al kiu Wieland komencas amindumi laŭ sia maniero. Li vokas ŝin al longaj promenoj kaj dume faras al ŝi eĉ pli longajn oratorajojn. La virinon ĉi tio jam tre tedas. Kaj tiam li prezentas sian grandan decidon: li svatas la virinon. La bonhumora virino kredas por momento, ke la kavaliro perdis la prudenton . . . Poste ŝi ridante diris

— Kara, vi vere ne estus al mi taŭga, kiel edzo.

Wieland fine tamen edziĝas. Sed lian edzinon ni apenaŭ povus envii. La juna edzo ja ofte diras en amika rondo kiel bone li elektis kaj ke la edzino signifas por li veran »animan apotekon«. Sed la anima apoteko, ŝajnas, rapide ekenuas tiun ĉi honorantan titolon, ĉar apenaŭ post unu jaro Wieland jene avertas iun sian amikon: Mi petas kaj petegas vin, neniam edziĝu. Scienca homo, kiu estas amiko de la muzoj, ĉiam devas resti libera. Certe ankaŭ mi estus restinta libera, se mi estus povinta regi la cirkonstancojn.

Nun, okaze de la ducenta datreveno, estus bone scii, kiun glorigis la oficialaj festoj: *ĉu Wieland-on, aŭ liajn verkojn?* Ĉar inter tiuj ĉi du — faŭkas netranspontebla spaco. Tia spaco, kies sekreton povus solvi nur nervokuracisto. — Kiam oni anoncis al la juna poeto, ke oni bruligis liajn verkojn, li ridetis milde kaj pardoneme. Kaj nun? Kiel li nun akceptas en la transmondo la famon de la festadoj?

(X.) LA VERKISTO HODIAŬ KAJ HIERAŬ. Por la meditado ne tre favoras tiu ĉi epoko. Por la meditado oni bezonas tempon, kaj la febra korobato de l' epoko diktas galopantan kuron. Sur ĉiuj kampoj. Dum minutoj ĝi volas fari tion, por kio en la pasinto necesis monatoj. Oni povas observi grandsignifan ŝanĝiĝon ne nur en la evoluo kaj eluzo de la teknikaj iloj, sed same en la plirapidiĝo de la daŭro de l' literatura produktado kaj ankaŭ en la kresko de l' plenumaĵo. Anstataŭ la kvalito la akcento nun falis sur la kvanton.

Eble neniam oni eldonis en la mondo tiom da libroj, kiom en niaj tagoj. Tiu ĉi jarcento vere estas la jarcento de l' grandprodukto. La verkistoj verkas rapide kaj facile, la modernaj presejoj vomas la freŝajn, farbodorajn paperfoliojn en nekredebla ritmo kaj kvanto. La leganto, kutimiĝinta al pli malrapida ritmo, apenaŭ povas sekvi tiun ĉi inundon ĉiutage renoviĝantan kaj ĉiam pli kaj pli maltrankviligan. La leganto ne kapablas sin bori tra ĉio, kion kreas la produktemo de l' verkistoj. Sed . . . ĉu gajnas la literaturo kaj poezio per tiu ĉi ŝanĝiĝo? Per la maŝinoj, ju pli perfektaj ili estas, des pli multe da tempo oni povas ŝpari. Kaj ĉu oni povas ŝpari la tempon en tiaspeca krea laboro, por kiu — ni diru ekz. por Flaubert — necesis malrapidaj, maloftaj jaroj, plenaj de mizeraj turmentoj? En la nervoza epoko de la rekordopelo kiom povas danki la vera verkisto — kiu ankoraŭ meritas ĉi tiun nomon — al la galopanta rapido de l' kuro kaj ritmo? Tre malmulte. Eble eĉ neniom. Tolon kaj paperon, plumbliteron kaj farbon oni povas hodiaŭ fabriki certe multe pli rapide, ol antaŭ cent jaroj. Sed por la koncipiĝo kaj arta formado de la penso, de la ideo estas necesa ankaŭ nun tiom da tempo, kiom en la epoko de l' poŝt-veturilo. Pri kreskantaj rekordproduktoj oni ne povas paroli ĉi-rilate. — La veron de la Horacia saĝo: *nonum prematur in annum* ne povas ŝanĝi la teknikaj inventajoj, nek la rapidiĝinta vivoritmo. La verkistoj povas rapidi, kuregi, galopi, — kiel ili ja ankaŭ faras — sed la meditema, enprofundiĝema verkisto ne partoprenas, ne povas partopreni ĉi tiun »spiritan sportkonkuron.« Li bezonas nekalkulitajn horojn, ĉar li volas kapti ne la facile sin prezentantajn »valorojn« de l' surfaco, sed la *esencon*, kiu estas malfacile alirebla, kaj eĉ pli malfacile esprimebla.

Jen la kaŭzo, ke la plimulto de la hodiaŭaj libroj tiel rapide forpasas, kiel rapide naskiĝis. Ili perdiĝas en forgeson. Neniu ilin prenas por lego duan fojon, por serĉi en ili tian kaŝitan sekreton, kiu ne malfermiĝis dum la unua lego. Ankaŭ tie ĉi validiĝas la leĝo de l' fabrika industrio: la valoro de la rapide fabrikita amas-artiklo ĉiam restas sub la malofta, kaj multekosta produkto de l' manindustrio laboranta pli malrapide.

La *vera* leganto, volanta renkonti *veran* verkiston, devas ĉiam pli kaj pli ofte etendi la manon al la tempoeltenaj klasikaĵoj. Ĉi tio kompreneble ne signifas, ke hodiaŭ tute mankas la novaj valoroj. Ne, ili fariĝas nur pli maloftaj, ol en la pasinto. Sekve tiel eble ĝuste la *malofteco* direktas sur ilin la pli grandan atenton.

## I. Ŝirjaev †

Pastro-dekano Ivan Genadieviĉ Ŝirjaev, iniciatinto de Enciklopedio de Esperanto, baldaŭ aperonta, kies verko estis la elirpunkto de la tuta laboro, mortis la 23-an de oktobro 1933.

Li naskiĝis la 11. aprilo 1877 kaj de post 1895 li konstante laboris por Esperanto.

Li apartenis al la plej fideblaj, kuraĝaj laborantoj, kun kiu estis plezure kunlabori. Liaj laboroj estis ĉiam zorge trapensitaj, zorge faritaj kaj ideoriĉaj. Jam en 1910 li partoprenis ltieraturajn konkursojn kaj gajnis diversajn premiojn. En 1900 aperis lia junuleca novelkolekto sub la nomo Ivan Malfeliĉulo, kiu baldaŭ atingis duan eldonon. Multaj artikoloj kaj noveloj originalaj kaj tradukitaj aperis de li en diversaj gazetoj, inter ili ankaŭ en nia revuo, kies konstantan kunlaboranton ni perdis kun li.

Ni profunde funebras pro la perdo de nia talenta kunlaboranto kaj sendas niajn plej sincerajn kondolencesprimojn al liaj filino kaj amikoj.

*

Lastmomente nin frapis konsterna sciigo pri morto de FELIKS ZAMENHOF kaj E. GROSJEAN-MAUPIN.

Nekrologon pri niaj dolorege bedaŭrataj kunlaborantoj ni publikigos sekvanumere.

## REDAKCIA POŜTO

PUBLIKOTAJ MANUSKRIPTOJ.

En la sekvanta jaro ni publikigos inter aliaj la jenajn prozaĵojn: *Hendrik Adamson:* La verda lacerto; *Janko Alexy:* Emmy; *Karel Čapek:* Ordinara murdo; *Lev Vladyka:* Prijuĝo; *Janis Ezerinn:* Virino kiu plaĉis al mi; *Maurice Averan:* Gastejo Provenca; *F. Z.* Fantaziaĵoj por la estonteco; *Hawthorne:* La fontano de la juneco. El la »*Vojmontrilo*« ni havas du tradukojn egale bonajn kaj nun ni estas vere en embaraso: kiun publikigi el la du tradukoj de la verko de *Djuričić*.

Pri aliaj manuskriptoj kaj precipe poemoj ni raportos sekvanumere.

ENCIKLOPEDIO.

Lasta kaj ne plu ŝanĝebla limdato por la ensendo de la artikoloj: januaro. La granda plimulto de la manumanuskriptoj jam estas en la presejo. La amplekso de la verkego pliiĝis, ĝi aperos en preskaŭ 800 dense kompostitaj paĝoj. *La redakcio.*

## Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*Descendi:* malsupreniĝi; *disipi:* malŝpari; *dura:* malmola; *erupti:* erupcii; *etoso:* animo de loko; *futbalo:* piedpilko; *hororo:* teruriĝo; *jubili:* ĝojkrii, ĝojmontri; *primavero:* printempo; situi: havi situacion; *tenebro:* mallumaĵo; *torporo:* sensentiĝo; *trista:* malgaja; *vilao:* somerdomo; *nonum prematur in annum:* oni presigu post dek jaroj.

